Aliu ajn haveno mian ankron ne tenos,
kaj se mi apartiĝos el ĝi kaj forhavenos,
en tiu ĉi ammaro mi dronos mortofata.

Lilio inter kardoj, vi estas certigata:
se iel vi ekkonos ĉi mian amorulon,
vi spertos tuj, mi kredas, korŝiran dolorbrulon,
kaj al mi plu ne mankos la bela amo ŝata.

21

Pri amo tiom multe konsentis mia menso
ke mi, sen ĝi, alion ne scias aŭ komprenas,
cetera lern' obskuras, kaj plene abomenas
aliun ajn aferon, malŝate, mia senso.
Trezorojn aŭ honoron entute ne preferas
ekhavi mi, tutmondajn, mirindajn, sen amati,
sen tio mi ne povas feliĉi kaj beati
kun plene rajta nomo, ĉar mi dezir-inferas.

Mi multe pli ol Ijob tiele do mizeras,
ĉar sole nur la homo deziromanka riĉas
kaj, male, mi en mezo de pasioj troviĝas,
se iu surmondulo deziras malesperas.
Neniam tiel amo ekŝatis ĝuriceve
vidigi sur homido la virton kiu famas,
ĉar ĝi min altenportis, kies animo lamas,
al pleja feliĉeco, super ĉiuj elleve.

La amo ĉe du punktoj mistrafas jen diskreve:
pro l' troo kaj malmulto, ĉar ĝi la mezon lasas,
ĝi evidente stultas, ĉar mem sin ne kirasas
kontraŭ la ekstremaĵo superreganta ĉefe.
Mirigas min, ke amo obstine plu rezistas,
ĉar ĝi deziras daŭre ĉe l' pezoj nur ekstremi:
ol ĉiu ajn afero la volo plias de mi,
dum tiu via ne pli ol kubpunkter' konsistas.

Ĝi ne pludaŭros longe, se fraŭdo ne ekzistas,
se amo laŭirados la morojn de l' naturo:
ol inter tag' kaj nokto pli multe da cezuro
inter la volo mia kaj ŝia tranĉe distas.
Kial, ho Dio, kial la am' tiel malsamas,
ĉar nepre ĝi malhelpas, ke via vol' pliiĝu,
kaj tion, ke la mia iele neniiĝu
(ne scias mi, ĉu tiu malbono jam lontanas)?

Prudente bona Dio aferojn tiel planas,
ke Li ja ne konsentas, ke dura kor' sovaĝa
amatu per fervoro, nur tre malavantaĝa,
de sindonema homo, kiu plej fajne amas.
Mi pensas do, ke amo forlase de mi kuros,
ĉar ami vin plej forte mi jam ekstremis ĉiel,
kaj via velka koro je amo sekas tiel,
ke ĝi neniam pensos pri mi kaj ĝi ne spuros.

Plensaĝulin', pro amo al vi mi sankte ĵuros,
ke se l' bonvolo via ne baros la aflikton,
super mi mem publike laŭtlegos mi verdikton,
kiu dum mondodaŭro sonore plu tamburos.

22

Silentu nun pri amo l' aŭtor' kiu prestiĝis,
la verkojn de l' pasintoj neglekte viŝu for,
pensante pri mi, ĉiujn forstreku el memor':
kompare min, neniu envere enamiĝis.
Ĉar min la dezirego sen espereblo skuas,
neniam iu spertis similan korpasion:
nur por damnitoj, sole, Ĉielo gardis tion,
por kiuj, pereinte, jam sen espero pluas.

Ĉar mia strebklopodo inter ĉies unuas,
eraras ja la amo per la reten' de l' rajto.

Por falsaj kaj stultuloj: nek soif' nek malsato,
nek varmo nek malvarmo: plenumon ĉiuj ĝuas;
al iu ajna homo ne mankas plena plaĉo,
petinte ĝin, senplie, favoro efektivas.
Kaj male mi, pri amo, esperon vanan vivas,
eĉ se mi vere pravas pri l' kora amobraĝo.

Ne puŝas min al diro aŭ tentas la malplaĉo
pri io, kion iam mi vidus sur vi mem;
el certe granda kaŭzo estiĝas tiu em',
ĉar tute mian saĝon konkeris via saĝo.
Vi ne sukcesas vidi mian puran disponon
ĉar amomanko viajn okulojn survualas,
pro tio la animo en plendo triste palas,
kaj via korfavoro ne zorgas ĉi sindonon.

De l' sankta pontifiko ne ĝemos mi pardonon
ĉar mia sola peko konsistas ami fole,
mi ĝin almoze petas de mi, ĉar ŝlosis vole
mian racian penson en aman punprizonon.
Al amo plensufiĉu la korpo, kiu ŝtupas,
ĉar certe mia menso plenumos sian gardon;
l' unuevica sento ne turnu la rigardon
por reciproki iun, kies okul' plennubas.

Nur por bonfar' al multaj, ĉe l' morto mi ne dubas,
ĉar estos mi spegulo por lojalaj amantoj,
sciontaj la rimedon kontraŭ doloraj hantoj,
ĉar vidalvide al mi, ĉia doloro subas.
Ju plie mia penso al alto jam ascendas
kaj kun pureco kora mi pri la amo uzis,
la saĝo de virino min ekster sin rifuzis:
sin mem vundante mise, ĝi grave min ofendas.

Plensaĝulin', ĉar Dio allase nur transcendas,
deziras mi pro amo akiri vivofinon;
se, tamen, mi eskapos, neniam plu virinon
mi celos spuri, se ŝi de l' vera am' defendas.

23

Lasante en aparto la stilon trubaduran,
kies flatemo ilin paŝigas trans la vero,
kaj post la elŝirado de mia koradhero
por ne misvoji, pri vi mi diros veron nuran.
Al kiuj vin ne vidis, ĉi mia priparolo
valoros ja neniom, ĉar ili ĝin ne fidos
kaj la vidantoj, kiuj en vi mem ne ekvidos,
provante min ekkredi, nur restos en langvoro.

Okuloj de stultulo ne blindas dum esploro
por vidi, ke beleco sur via korpo brilas,
sed tiun plene konas nur kiu plej subtilas:
la ŝtofo restas kaŝe, eksteras la koloro.
Tion, kio el korpo al la spirit' aludas,
la homo krudemensa neniel ja ekkonas,
pri via haŭtkoloro, talio, li ĵargonas,
sed jam pri via gesto sen taŭga vort' li mutas.

Ni ĉiuj, senescepte, raporti pleje krudas,
pri korpo rave bela, honesta, laŭmerite;
galantis ĝin ekspertaj junuloj, fajne, sprite,
kaj ili plu malsatas, abstino nur sin trudas.
Via prudenta saĝo ĉe tio plensukcesas,
ke ĝi kapablas regi profundan subtilecon;
vi ŝiras el dormemo bonfari la pigrecon.
Vi mem ne estas virga, ĉar por idar' necesas.

La pasto por vin knedi sole ĉe vi impresas:
elfaris la Ĉielo virinojn certe glorajn,
grandnombre jam elstarajn, tre saĝajn kaj bonkorajn,
sed perfektecon sole dam' Teresa karesas,
ĉar jen en ŝi troveblas povosciado tia,
ke por la komprenado al ŝi jam mankas nulo,
ĉe ŝia brila belo blindiĝas la piulo,

kaj estas la paŝtejo por saĝaj saĝo ŝia.

Ne pacas en trankvilo la rego Venecia,
samkiom en vi regas plentrafe la prudento
subtilojn de la penso, super senkulpa sento
de via bela korpo: ĝi staras sendevia.
Tiome jam en pleno la komprenanto ĝuas
kaj en l' okupo plaĉa troviĝas vin kompreni,
ke la dezir' pri l' korpo neniel povas veni
al malhonesta volo, sed morte ĝi senbruas.

Lilio inter kardoj, la fort' en mi vakuas
por trafi la elforĝon de krono nevidebla.
Vi rajte ĝin meritu. Ĉar tiu nur videbla
ne devas iel sidi, kie mirakl' influas.

24

Mian senmovan penson la tempo ne dishakas,
ĉar fakte ĝi de eco en econ ne transiras,
fortuno nun deziras la ŝanĝiĝemon perdi,
tiel ke ĝi firmecon amike daŭre kunas.
Kiam ĝi ekkonsciis, ke mi en centro sidas,
ĝi faris tuj intence, ke l' radcilindroj aspru
por ke ĉi ties glito alien min ne turnu
sidigi min en loko, kiu ege senordas.

Sankiel deziranto, ke plag' sur lin superbu
por ke la ronĝateco de malamiko pliu
kaj li pri ties miso enviiste plezuras
sensente pri l' malbono, kiu al li najbaras,
rilate min, tiele, nun la fortun' kondutas:
per la proceso kontraŭ la ĝuo neniigi,
de l' fama senfirmeco la nomon ĝi transŝanĝas,
ĝi perdas la plezuron senlace cirklon movi.

Samkiel suferanto per artifiko trudas
ekdormon al la korpo, ke l' brulon ĝi ne spertu,

mi mem dezirus same la pensojn endormigi,
portantajn nur aferojn, kiujn senĉese volas
mia inklino senta, terure avidanta,
ĉar ili ankaŭ mian animon suferigas
en ĉi turmento aspra, en kiu ĝi suferas
kolege kun la korpo, ĉar ĝin nun akompanas.

Samkiel la kastoro ĉasata, morteskapi,
per dentoj elŝirante, korpoparton formordas,
pro saĝa prainstinkto, kiun natur' liveris
ĉi tiujn siajn membrojn - mortoportaj konscias,
per mia saĝprudento dezirus mi plenkoni
la volojn min turmentajn kaj ilin nur malŝati,
kiuj mortigas korpon, animon enpekigas,
mi ilin jam forlasu por ekkapabli vivi.

Ĉe tiu ĝusta punkto, kiam avido trafas,
kun tiel vana penso mi volus plenfrenezi,
ke min la surmondulo plej ŝanca mi prijuĝus,
kiun fortuno ŝute per moveblaĵoj benis.
Al malvarmego ĉiuj sopiras somerarde,
neniu povas kredi, ke iam ree vintros,
simile mi travivas, kiam angoro brulas,
ĉar mi ne plue kredas, ke ie ĝoj' troveblos.

Lilio inter kardoj, se l' saĝ' komuna krudas
tiom, ke vin kompreni entute ne kapablas,
vi mem, kun Dio, volu, ke se la fido helpos,
de la freneza amo la peko redemptiĝu.

25

Plu viglu rememoro pri l' tempo tiom ĝua
jam forpasinta: laŭ mi simila ne revenos.
Se mi sukcesos trovi, favoro min ekbenos,
ĉar via indulgemo fariĝos rendevua.
Vi ŝatos min denove, kiun vi ŝatis tiam

sincere konfesante, ke vi kompatas min.
Nun, kiam mi plej multe, tutkore amas vin,
revenu al la ejo, kie vi sidis iam.

Pli ol antaŭe, nune sopiras en mi emo
kaj tiu ĉi sopiro neniam certe mortos:
de sia flanko helpe la korpo ĝin subportos
kaj kun rifuzo blinda ne spitos la kompreno.
Al mi vi plu inklinas, kiun deziris tiam,
per tiu ĉi deziro la ĝojo paŝtis sin.
Nun, kiam mi plej multe, tutkore amas vin,
revenu al la ejo, kie vi sidis iam.

Se prave jam mi ĝuis je via korfavoro,
pli rajtas mi nuntempe: atestas okulparo,
ĉar ofte la okuloj plorĝemis en amaro
kaj eĉ sen larmoverŝo muelis min doloro.
Dum tedeuma himno elmontris ĝojon vian,
mi mem, kantante plore, malbenis pro l' destin'.
Nun, kiam mi plej multe, tutkore amas vin,
revenu al la ejo, kie vi sidis iam.

Ne citu mi, aldone, pasintajn suferhantojn,
ĉar vi ĉe la rakonto pri ili ja ne fidos:
se oni nur senamas, ĉe ies amo fridos,
ĉar la ridantoj plene neglektas la plorantojn.
Se vi dum sola tago belamus onon trian,
vi, tion ekkoninte, favorus sen obstin'.
Nun, kiam mi plej multe, tutkore amas vin,
revenu al la ejo, kie vi sidis iam.

Mi petas pri juĝado al la spertintaj amon
pli frue en antikvo, pro l' enamiĝ' torturaj,
al la amantoj nunaj kaj ankaŭ al futuraj:
el miaj diroj ili komprenu mian klamon.
En tiu matenhelo, kion vi faris fian,
se plene vi konscius, vi ja bedaŭrus ĝin.
Nun, kiam mi plej multe, tutkore amas vin,
revenu al la ejo, kie vi sidis iam.

Plensaĝulin', ĝiskerne leginte koron mian,
vi trovos jenan veron: mi amos vin sen fin'.
Nun, kiam mi plej multe, tutkore amas vin,
revenu al la ejo, kie vi sidis iam.

26

Mi krie diskonigas la bonon ĉies ajn
kaj sen ĉagreno spita malbonon prisilentas,
ĉar skoldi kaj mallaŭdi mi certe ne kontentas.
Sed krioj senutilas, ne estas ia gajn':
ne ĉar mi mem nemultajn bonaĵojn iel sentas,
sed inter nur la surdo kaj muto krioj vanas
pro tio, ke l' boneco de l' bona hom' arkanas,
kaj la valoron lian la mondo ne atentas.

Malplie ol la leĝo kristana sin prezentas
al gentoj en Afriko kaj emas aŭskultati,
la virton mi ne vidas en ies menso stati,
la homoj nur pekemaj kaj stultaj ĝin forsendas.
Saĝeco en malmultaj, laŭ Salomono, sidas
sed tamen malamikoj kontraŭ la virt' abundas,
dirantaj, ke frenezon videble vi ĝisfundas,
se ekster la kutimo sin via faro gvidas.

La virton ekzilinte, nun la malvirt' egidas,
pro ĉies profitamo, honoro jam senlandas,
la virto tre maloftas, sin poiome fandas,
al ĉiaspeca varmo pigreco glacifridas.
Kiuj ĝin perfortadas tiom abunde nombras,
ke ŝirmo ne troveblas kaj subtenado ies;
volonte mi eldiros la jenan krion ĉies:
"Pereu tiuj homoj, kiujn honor' ne ombras!"

Nursole la mortintoj je laŭdoj ne senombras,
ĉar prave la envio pri forestantoj nulas,

ĉi tiun fikonduton digesti ne postulas
la homoj kun stomako, kiu envie sombras:
senlaŭdas la vivanto, kiu la virton ĉasas,
sed ili intrigadas komplete ĝin cindrigi,
pri tiu klaĉparolas, la bonon neniigi,
eĉ se el mondo ĉiun bonagon ne elrazas.

La bono kaj la virto nun plene jam misrasas,
la korpo de la homoj tre malaltiĝis certe,
ni servas nian Dion mispie, senkonverte,
pli streĉas nin la morto kaj ni rapide pasas.
Nun ĉiu kreitaĵo, kiu sur ter' sin movas,
el sia propra eco suferis grandan perdon,
forsvenas la sciado, ne ŝatas oni sperton,
mallongas nia vivo, transmeze sin forblovas.

Kie la inĝenio Aristotela novas,
tiu de Origeno, Seneko aŭ Platono?
Kiu laŭ sia forto similas al Samsono?
Do, kie la beleco de Absalon' sin trovas?
Antikve, Linkeuso okule ĉirkaŭbrakis
aferojn ĉiuspecajn per sia vidsubtil',
li meze de la maro ĝisvidis mejlojn mil.
Ilia vivo plie ol nuna longetagis.

Frenezas tiu homo, kiu ne jam imagis
ke ni peree falos, ĉar nia eco stumpas,
simile kiel branĉo kaj frukto velke ŝrumpas,
se kamparano ronde la arbradikon hakis.
Ni tute ja disfalos, ĉar la subteno putras,
videble la Plejalta la mondon volas fini,
ĉar nia kerna esto ne ĉesas plu ruini,
kaj paŝon jam post paŝo, naturo sin reglutas.

Lilio inter kardoj, sondil' ne sufiĉfutas
atingi ĝis la fundo de via amestimo,
laŭdante vin, ekmankas la diroj kaj la rimo
al mi sufiĉe plaĉaj, kaj tial mi ekmutas.

27

Mian imagopovon forrabis trodoloro.
Ne plendas mia menso nek fortas sin deskui:
pro tiel daŭra plendo ĝi devis ekgenui,
sed ne montreblas mia aflikto per la ploro.
Rimedon mi ne trovas, ĉar la dolor' tiomas,
ke mia volo rompe frakasis sin en pecojn,
ĝi en neniu loko ektrovas unuecon
krom tie, ĉu al morto aŭ vivo ĝi sin donas.

Kiel malgrasa homo antaŭ elekt' rezonas,
kiun el du fortuloj li lukte albatalos,
ne scias li al kiu el ambaŭ ekrivalos
kaj en terura tremo la decidiĝ' imponas,
mi mem simile spertas, ĉar vivo min teruras
kaj morto estos plaga fitrudo: se mi volas
perei jam, idole la vivon mi adoras,
se vivi plu, pri l' morto volonte mi plezuras.

Samkiel se disĉiplo venenon inokulas
al sia labormajstro, kaj kiam la doloron
li ekrimarkas, plende kompatas la sinjoron
kaj lin celante helpi, tuj super li alkuras,
vi mem, ho mia penso, pro kiu svenas saĝo,
kun granda laborpremo donanta al ĝi perturbojn,
al ĝia strebklopodo venigas flegkirurgojn,
por ke per vi spertiĝu entute la damaĝo.

Mi ŝajnas kiel ŝipo danĝere apud plaĝo:
perdiĝis la rudristo kaj falis jam la masto,
dum ĝi senmovas pro du ventegoj en kontrasto,
la ŝipanaro plene perpleksas pri la naĝo,
kaj ĉiuj propran karton en dubo nun komparas,

sed ili ne sukcesas atingi priakordon
maristo jen dezirus navigi apud bordon
alia malproksimen, ĉar tio temeraras,

simile mia volo, pro kiu mi ammaras,
malviglas plej ekstreme kaj povus ĝi alkuri,
mia racio, tamen, pludaŭras noktobskuri,
tiele en la menso la pensoj kontraŭstaras.
Miaj deziroj trafe elekti ne scipovas,
ĉu l' vivo aŭ la morto, do kio preferindas?
En mi nun la naturo kun ruzo labirintas
kaj sole nur por morto eliron ĝi ektrovas.

Plensaĝulino, oni elteni ja ne povas,
sen iu interspaco, la vivon kaj korbrulon.
Mia deziro mutas, ŝanĝiĝas en teruron,
ĉar, vin alparolante, de mi la vortoj blovas.

Plensaĝulino, firman decidon mi ekkovas,
ke mortos mi, prefere, antaŭ ol vin disamos.
Mia spirito ŝire el aeralto klamos,
ĉu fine la kompato je pento vin ekmovas.

28

Timante perdi lumon, la tago agonias:
kiam la nokto venas, disfaldante tenebrojn,
nur bestoj plej malgrandaj ne gluas la palpebrojn
kaj la dolora brulo ĉe l' malsanuloj plias.
Krimuloj ja dezirus, ke ĝi eterne plagus,
por kaŝi ties farojn, sen interromp' tutjare.
Sed mi, kun turmentbrulo, sen misfar' kaj malpare,
dezirus, ke ĝi baldaŭ transfluge pretersagus.

Sed, tamen, mi mem krimas pli ol se mi morthakus

mil justajn senkulpulojn, senindulge, korfride,
ĉar mi ma¶inacias kontraŭ mi mem perfide.
Neniel vi supozu, ke mia pac' dumtagus,
sed tra la tuta nokto pensrompe mi deĵoras
por tio, ke dumtage mi kulpu la perfidon:
la timo al la morto ne ŝanĝas la decidon
ofendi min senĉese, eĉ se la viv' angoras.

Plensaĝulin', pri tio mia menso laboras,
kiele kun sagaco la amolaz' insidas.
Nun rekte kaj senhalte la paŝon mi plu gvidas
al mia nepra fino, se vi ne favorkoras.

29

Kiel fuĝanta taŭro endezertigas sin
se ĝia samrasano fortrudas kun perforto
kaj ĝi ne plu revenas ĝis plenas ĝia forto
celante la detruon de kiu pelis ĝin,
tutsame, de vi nepre mi devas nun forkuri,
ĉar via rifuzgesto konfuzis mian penon,
mi restos en ekzilo ĝis mi atingos svenon
de l' granda timo, kiu malhelpas min plezuri.

## DUA PARTO. ĈIRKAŶ "LILIO INTER KARDOJ"

Poemoj 30-45 (ĉ.1428-1431)

30

Alvenis jam la tempo kiam certe koniĝos
la homo kun la koro fortika aŭ poltrona.
Neniu do fieru pri bravo fanfarona:
se fakte li kadukas, kuraĝa ne prestiĝos;
ĉar kiam pro la fato li antaŭ mort' danĝeras
neniel lin ekhelpas la ruzo aŭ lerthavo
por kamuflado trompa de l' ekstrema malbravo,
sed tiam por sin savi forkuri li preferas.

Nur ekster la danĝero la koron hom' kaŭteras:
entreprenante riskon atingas li bonfamon
kaj li sukcesas gajni moŝtecon kaj aklamon,
sinteno de Cezaroj ĉe tiu reaperas.
La kvaliroj famaj valoron pliakiras
per uzo de armiloj, ĉe ili ĝi ascendas.
Sed ĉe la malbravulo ĝi ĉiam plu descendas,
li apud la virinojn sin ĝustaloken tiras.

Renomon pri aŭdaco pavanto plej deziras
sed vere li neniun per trompo ekimponas,
ĉar kiuj efektive aferojn tiajn konas
pri lia ĝusta nomo kun pravo baldaŭ diras
kaj per mallaŭta voĉo inter ili deklaras:
"Ja virtoplena homo ne decas li nomiĝi,
sed sole uzurpinte sukcesis li famriĉi
sen trafa ekrimarko de kiuj lin najbaras."

Se homo troriskanta ĝis morto temeraras,
kaj tamen el danĝero nenion li fruktigas,
la rangon de la virto li al si mem alligas,
ĉe tiu ĉi, pardone, riproĉon oni ŝparas,
ĉar riske elmetante la vivon li ekpensas,
ke povos li atingi, kion li ne plenrajtas,
pro tio, ke la virto for el ekstremoj rajdas
kaj ĝia vera eco nur en la mez' esencas.

La virton gajnas homo, kiu morton intencas
por estiminda celo aŭ bonfarad' al multaj,
sed li nenial pensu pri gajnoj altrezultaj,

ĉar nur la propra virto virtulon rekompencas.
Forkuru el danĝero la korfeblul' principe,
ĉar la honoro lia for de l' danĝer' sin trovas;
laŭlonge de la tempo la temerara povas
trahardi sin konvene kaj vulpi ruzekipe.

Se mi pri la venontoj juĝadas kaj, laŭskribe,
pri l' famaj antikvuloj, mi tiam Dion dankas
ĉar la nuntempa mondo aferojn gravajn ŝrankas
en plej diversaj lokoj, videble jam, precipe,
kaj certe kun elstaro, pro nia grandsinjoro,
kiun timeme oni dum festoj alrigardas,
ĉar ĉiu ajn grandulo superi ĉiujn ardas
kaj tion li fiere postulas en la koro.

Fortuno scias ŝanĝi la ŝancojn nur en horo,
nenies penskapablo ĝian direkton konas,
momente ĝia volo al la koler' ĝin spronas
kaj tuj ĝia kolero turniĝas amfervoro.
Ne povas do nin gvidi ĝia ventomontrilo
sed nur, ke el kortego feblulojn ĝi forpuŝas,
kaj ke kuraĝa homo ĝian favoron tuŝas,
se kontraŭ ĝia staro li strebas kun subtilo.

Por fronti kontraŭ morto jen estas sola ilo:
malŝato al la mondo, sentimo al fortuno,
pri l' propra leĝo pie atenti per plenumo
kaj tiam Dio alte protektos en azilo.

31

Plendadi pri l' fortuno, mi multajn homojn aŭdas,
senĉese malbenantajn ĝiajn farojn kritike,
ĉar ili kun ĝi volas sin ligi plej amike

(nursole ĉe la bono senŝanĝa oni laŭdas),
do, plene forgesantajn ties propran naturon:
subigi altesidan kaj suban altentiri.
La homo deziranta ĉi tion ne trairi
jam tute forrezignu plenzorgan vivplezuron.

Jen Dio providencis ĉi tian mondprokuron:
ke regu ĝin teruraj klopodoj kaj traspertoj,
plinombras ol atingoj neeviteblaj perdoj,
pri l' vero, nia saĝo alfrontas frenezmuron.
Kaj iu surmondulo je l' monda sci' fidanta,
idolojn kun sincera kredemo li ja fidas,
pensante, ke bonpleno en mondaj aĵoj sidas,
por ties ekposedo la morton deziranta.

Se ie estus homo kun tia fort' giganta
reteni per najlego fortunradon dumsupre,
utilus al li certe klopodi ŝtale, kupre,
celante ĝin akiri per laborado fanda.
Sed iu ajn metalo entute ne rezistos
subporti kun sukceso tiele grandan pezon
kaj ruza artifiko ne turnos la procezon
por homoj, kiuj false en fihonor' ekzistos.

Senŝanĝe la fortuno ĉe sia ard' persistos
estigi ebenaĵo la monton kaj la kruton.
Se iam la deziro atingis sian tuton
kaj ĝi ne povas plie, la domon ĝi dispistos
kun granda furiozo, fosante tie kavon
kie ĝi ĵus plenigis denove ekloĝigi,
kaj forlasita homo sen celo sin riĉigi
multigos tuj grenejojn, oleon kaj vinhavon.

Singarde ĉe l' femuro ne portu viro glavon,
frenezu li volonte kaj tute libervole,
se li ankoraŭ dubas, ke la fortun' ventole
el sidaj kaj moveblaj kapablas plenan lavon.
Sed tamen al homido de la fortuno grace
nursole per mieno ridanta favorata,

la flanko larmeplora ne estas ekkonata:
li kredas, ke per ruzoj prosperis mem sagace.

Lilio inter kardoj, mi ŝajnas, senkurace,
Tantalo en infero, pro senĉesa deziro;
kial do plue kreskas ĉi mia korsopiro,
se nur malesperego apudas min minace?

32

Homido tra la mondo valoron ne akiras
sen taŭgaj posedaĵo, boneco kaj pranomo,
sed tiu en la mezo valoras pli ol kromo,
kvankam ne tre, se tiuj ceteraj ne kuniras.
Ĉi tiujn du kompanajn pro ĝi oni tre ŝatas,
ĉar havo ja valoras laŭ administrateco
kaj la prapatra nomo nur laŭ honorindeco,
laŭ respektiva homo ĉiu afero gradas.

Al la muzikemulo neniel ludo glatas,
se li sur muzikilo antaŭe jam ne ludis,
la nura ekintenco renomon ne tributis,
sed plene trafa ludo kiam la il' ludatas.
Tutsame ja la homo, kiu per si valoras,
malriĉa je pranomo kaj ankaŭ je posedoj,
senhelpas absolute; ne taŭgas la rimedoj
de la moral' komuna, per virto li langvoras.

Tre multajn en nuntempo, kaj iam ajn, favoras
abundo de posedoj kaj la graveco sanga;
sed ili je la havo abundas plej basranga
ĉar, sen animboneco, malbono ĉion voras.
Multfoje pri ĉi tio nur kulpas la natur',
ĉar bonus efektive la nesciant' valori,
senkulpe li ne povas plentrafe scifervori,

necesas, por sukceso, al li valorkonkur'.

Inter ekstremoj, virto en mezo staras nur,
tre malfacila faro, de multaj nekonata:
pro tiu kono, oni ne iĝas ekŝatata,
sed nur farante agojn, tre strangajn en mezur'.
La vera prodigemo de prodigunto certas
samkiom la avaro, se monon li ne donas,
la virto kaj malvirto sin per la agoj konas;
nur post efektivigo ilia pov' apertas.

Ne gajnas klopodanto la virtojn, ĉar li lertas,
nek ilin la poetoj per sia art' akiras,
sed sole nur la homo, kiu malvirtojn ŝiras
kaj li pro la bonamo la virtojn fare spertas:
la virtvalor' amata videble lin surtrajtas,
kaj super la perversa hontemo li jam venkas.
Sed nepre la stultulo ĉi tie ne surbenkas,
sidante for, el granda plezuro li forrajdas.

Lilio inter kardoj, mi daŭre strebe tajdas,
celante ke l' doloro el mi ne svenu for,
pri mia vera kazo ne trompas vortdekor',
ĉar mia granda honto damaĝon plian rajtas.

33

Sen iu ajn deziro pri aĵo malhonesta,
ĉe kio suferado l' enamiĝinton voras,
pro la deziro esti amata mi doloras,
kaj mi vin ja ne volas entute malhonesta.
Mi amas el vi ĝuste la saĝon, kiu regas

la statojn de la vivo de via vivo ĉasta:
ne troas mia celo, ĉar la deziro lasta
klopodas nur al tio, kion honest' kolegas.

Nur mia intelekto la amon al vi flegas
kaj ja ne mia korpo per vol' de malhonesto:
allogas min aminde nursole via gesto
kun sento prainstinkta, kiu disdegnon vekas.
Tiom la intelekto kaptatas kaj ĝin estras,
volonte, granda parto de l' via kaj ĝin logas,
ke svenas mia sento, ĝi mian karnon drogas
per tia lula dormo, ke l' karno senton perdas.

Mia inklino al vi egalos plu, mi certas;
laŭnaske, ĝi senlacas kaj ĝi neniel satas,
ĉar ĉiujn finitaĵojn nia spirit' malŝatas:
ĝi ja ne sur la korpo la kontentiĝon spertas.
Pri elvenkita volo mi petas vin plej arde,
pri tiu, kiu nestas en la anim' senfina,
ĉar tiu amoparto, kiu pereos klina,
en mia korinterno ne sidas avangarde.

Simile kiel fajro ŝveliĝas superarde,
kiam en ĝin abunde branĉfaskojn oni ŝutas,
kaj ĝia malsatego flamkreske ĉion glutas
se oni al ĝi daŭre sorbigas ion varte,
mi mem ĉi tiel spertas, ĉar mia vol' disvastas
dum mia pensimago dezirojn alprezentas,
ilia forpelado sendube ĝin ofendas
ĉar iel ajn cetere ĝi nur sennutre fastas.

Jen mia pensimago per la malĝoj' kontrastas
se meze de homgrupo penseme mi nur mutas;
la amo ĉi-okaze la idojn neste nutras,
ĉar ĝi en mia cerbo delonge ilin paŝtas.
Ĝi estas tiu volo, kiu senlimon penas,
tial la amo iam ne migros el mi for:
pro tiaspeca amo, en karno, tra la kor',
ne ronĝas nin la vermo, kiu sen lac' festenas.

Plensaĝulin', la saĝon mi firme alkatenas
al celo far amanto neniam ajn celita,
se fale mi fiaskos, la amo ĉesos splita.
Plibonos mi ol ĉiuj, renome, se mi tenas.

34

Deziroj ĉiuspecaj sur mondo dissemitaj,
kiuj inter la homoj laŭ ĉies jur' sopiras,
kun lamekruraj paŝoj nur unun posteiras,
la mian ja, longjaran, ĉi tiun nur imitaj.
Simile kiel montoj sukcesos kurliberi
de l' vento, mia volo el sia celo fuĝos;
sur grundefirma loko atende ĝi rifuĝos:
mispenso malpliiga ne povos ĝin konkeri.

Mi konas ja neniun eksenton ĝin kaŭteri,
kvankam mi mem ekprovis la faron kun fervoro:
pri ege grava parto de mia kordoloro,
dank' al ĉi tiu strebo, ne devus mi suferi.
Helpate de la amo, konigi mi atendas
al vi, ho amatino, la troallogon el vi;
kion en mi ĝi faris, vi povus ekobservi
kaj kiel, krom la morto, nenio min defendas.

Mi certe, do, honeston malinde ne ofendas
kaj virtas, ĉar malĉaston la koro ne avidas:
kvankam, en mia volo, neĉasta pens' eksidas,
mi ja nenion el vi pri tio ekpretendas
Neniu siajn movojn sukcese forevitas,
ĉar ilin ne plu regas la libervolo nia.
Kiel mi liberiĝos el tiu eco mia?
Mi kontraŭ vi ne kulpas, se amon mi ne spitas.

Ĉi tiu vera amo, se streĉe ĝi zenitas,
kondukos la amanton al morto nur, finfine.

Kie troveblas homo kapabla regi sine
pasiojn tiel fortajn, kiujn la am' agitas?
Do, kial mi, obstine, neniel akordiĝas
al vi jam manifesti la volon per la vorto?
Sur mia lango sidas la vivo kaj la morto,
ĉar mia volpotenco ne helpas, kvankam riĉas.

Simile kiel homo preĝadi sin dediĉas,
ke pluvu tuj diluve, sed kun ĉiel' sen nuboj,
mi volas nur amati sen zorgo pri la ŝtupoj,
ne eblas la plenumo, se mia vol' kaŝiĝas.
Ja mia intelekto kaj la kvalit' akordas
por ami vin, en kiu membildon ili vidas,
sed tamen miajn volojn diskordo nun dividas:
kontraŭ racio ili tiome malkonkordas.

Lilio inter kardoj, vipuroj ja ne mordas
per tiel forta mordo, per kiu am' konsumas:
ĉar eĉ se la morditoj samtiom ne brulumas,
la saĝon ili perdas kaj blind' okulojn sorbas.

35

Nu, ĉiu ajn bonvolu alstreĉi la atenton,
neniu ekimagu, ke mi lin desapontos,
ĉar li tra mia diro unuavice sondos
novaĵojn neaŭditajn, eksterkutiman senton:
nur tiaspecajn, ke mi ties kaŭzojn ne konas,
sed en mi mem el ili la sento sole restas,
samkiel malsanulo pri la sufer' atestas
sed ne pri la malsano, kiu la morton donas.

Klopodaj malkvietoj, kiuj amantojn spronas,
laŭ ĝenerala kono, kaj estas komunstilaj,
neniom min ektrafas kaj ankaŭ pri similaj
ne timas mi entute, min ili ne imponas.
Suferojn kiel miajn ne spertas la amantaj:
ĉar mi pereas tial, ke ami plu ne povas,

kaj mi nur abomenon ĝismortan al mi kovas
pro miaj mankoj, min en kolero flamigantaj.

Nu, kie do troviĝas la ĝuoj min digantaj,
ke mi ne celu haste formeti vivon tian?
Ĉar mi abomenadi min mem ne satas iam,
imagu pri la bonoj ĉe tio min benantaj!
Ĉar iel min la vivo ne logas - morto plaĉas,
en plena senpenseco, nur tiam mi bonhoras,
laŭ mia fortkapablo la penson mi ignoras,
konsilo superfluas, se al frenez' mi naĝas.

Samkiel pradamnito, kiu al mort' vizaĝas,
ĉe sia lasta tago sin mem apuda vidas,
ironta al la ejo, pri kiu hom' ne ridas,
ke Dio lin indulgu, perpreĝe ne mesaĝas,
mi mem ĉi tiel spertas, fuĝante de l' favor'
de amo, tiu eco min estiganta tute,
mi kontraŭ ĝi tiome furiozegas krute
pro mia misa manko en mia rememor'!

Simile al stultulo celinta en la kor'
atingi samnivele ĝis klero de saĝulo,
kaj kiam lia strebo al ĝi montriĝas nulo,
li tiun malbenadas kaj propran naskon for,
mi mem simile spertas: ĉar mia vol' konstatas
senpovi al la ejo, kien mi ĉiam vojis,
sendube pro la manko, kiu en mi jen fojis,
mi volus neniiĝi kaj amon mi malŝatas.

Lilio inter kardoj, al mi malpermesatas
la bono, kiun amo unue avidigis
kaj tiun en frenezo tiompreza ŝatigis,
ke eĉ mia revado ekhavi ĝin ne flatas.

Ho morto, sanigilo por multaj hommalsanoj
kaj la rimedo taŭga kontraŭ misŝanc' fortuna,
nun kontraŭ min realu la leĝo verplenuma,
alklinu tuj l' orelon al miaj preĝaj klamoj!
Sed tamen vi forkuras de l' vin vokanta ĝeme
kaj venas nur al homo vin zorge evitanta:
mi vin tagnokte serĉas per alklopod' konstanta,
ke via dolĉa vundo min plagu mildasvene.

Mia sufero granda ne estingiĝos plene,
krom sole per doloro, kiu en mi malpacas.
Pro l' daŭra maltrankvilo la koro feble lacas,
senfine superŝutu aflikton ĝi ĉagrene,
tumultu mia saĝo ĝis sensent' pri l' doloro.
Kaj eble mian vundon rimedo surbandaĝos:
alia ŝir' pli freŝa ol tiu al mi plaĉos,
aŭ de la morto nepre mi petos pri l' rigoro.

Mia imago ion ne montras en memoro,
krom la doloro hanta: rabiĝas mia gaj',
mi evitadas fuĝe la homajn rondojn kaj,
ke iu min aŭskultu: mi pretas nur al ploro
Mi petas vin humile, ke via kor' kompatu.
Ja tiu ĉi favoro facile atingeblas
sed taŭgas, ĉar per tio grandparte estingeblas
la plaga suferado, nur ĝi ne false ŝatu.

Virin', pro vi mi volas, ke plene mi malŝatu
la ĝuojn ĉiuspecajn de l' junularo monde:
al via amo tute mi donas min volonte,
ke via korpo kiel diino adoratu.
Se per ĉi tiu faro jen Dion mi ofendas,
konfesas mi la kulpon: mi kontraŭ pent' imunas,
delicon de pentanto neniom mi gustumas,
ĉar ŝajne de venenoj la via eĉ defendas.

Sed mia vana penso renverse sin amendas,
petante plej insiste, ke vi ne veu pri mi,
ĉar amo plezurnutras kaj min ne lasas ŝimi,

se mi en kaŝiteco, for de la homoj plendas.
Ĉe mi la amo tiom kompleze kompanias,
ke homo nur frenezus, se li pri mi lamentus.
Ne zorgu do ĉagrene, vi vane vin turmentus:
mia doloro forta sen via jam malplias.

Lilio inter kardoj, mi pri amplagoj scias,
ĝis kiom la amanto travivi iel povas:
akceptas mia koro, kiujn la penso kovas,
kaj kiam mi silentas, pri ili mut' mencias.

37

Mia timemo granda el iu kaŭzo fontas.
Eĉ se la juĝprudento iele plu esperas,
mia interna sento, profeto kiu veras,
de l' penso feliĉiga la menson baldaŭ tondas.
Do kio al mi fakte ĉian ripozon baras,
ke dormo min ne ŝirmas el plenangora febro,
kaj la racio preskaŭ pereas pro l' funebro,
ĉar iun savrimedon neniam ĝi ekflaras?

Min pugnas la doloro, ronĝata koro knaras,
kaj mi ne vidas kaŭzon de la damaĝ' futura,
mia spirito ĉiam fiaskas fuŝaŭgura
pri faktoj ĝeneralaj, mi specialajn ŝparas.
Ja kiam mi vekiĝas, tuj vekas sin, mi spertas,
doloro traboranta, plej akra, kiu krimas:
ĉi tiu ofta penso en mi tiel intimas,
ke la damaĝ' venonta al mi entute certas.

Mi tute ne pridubas, ke vi neniel certas
pri mia ama volo, ĉar mi pri ĝi silentis,
mi kulpas, ĉar mi klare ne montris kion sentis;
ĉi tiu amo rajtas aperi, mi asertas.
Mi plie malproksimas mian volon proklami,
mi sentas mian strebon sveni, iom post iom,
ĉar viaj scioj pri mi meritas ja neniom,
ke ŝance vi ekpensu min ami aŭ malami.

Min sole nur troamo igis el vi lontani
kaj en si mem, interne, ĝi due sin dividis,
ĉar mi abunde amas, la diron mi rebridis
kaj ĝi al vi obstinas pri l' sento plu arkani.
Mian sekretan volon ĝiskerne vi ne konas,
vi restas en sensento, dum trodolor' min sagas,
la amo ja ĉi tion sen ia saĝo agas:
dum satas vi - malsato kaj soifo min spronas.

Malbonojn pleje grandajn, kiujn la am' proponas
ne scias mi, ĉu iu aŭdace penas trovi:
mi amas la damaĝon, kiu min plagas pro vi,
des plie la ambeno amatos, mi rezonas.
Mi sankte vin adoras, se tion vi toleras,
kaj lasu al mi ŝarĝon de l' konsciencriproĉo,
tiele jam ekstremas mia vola alkroĉo,
ke vin - surtera dio mi rajte konsideras.

Neniel, viakaŭze, malbono min ulceras,
ĉar tiu malbonaĵo alportas al mi savon:
se nun mia amiko similan spertas mavon,
por lia bono, ke li surkrucu mi preferas.
Se iam ajn la amo la ŝarĝon elportigas
per ĝia forestado, mi damne ĝin malbenas,
kaj kiam mia korpo pro la klopodo svenas,
ke daŭru ĝia plago mi ĝin ne jam mortigas.

Lilio inter kardoj, en mi amon instigas
ĉio, kion mi pensas pri vi, ĉiu esploro;
se la plezuro foje min benas sen doloro,
ĝis mia fortrezisto lamentojn mi plorigas.

38

Eĉ se, laŭ viaj montroj, vi min ne abomenas,

sed al vi tre agrablas mia simpla parolo
kaj vi ne opinias ĉi skribojn fabeldrolo
kaj ŝatas vi, se bone pri mi oni refrenas:
kiam mi pensas, ke mi pro via am' martiras,
min mem abomenante, kaj plene min fordonas,
mia bonvolo ama ĉe tia penso dronas,
ĉar via plaĉa sento, bonami ne transiras.

Konsolon plensufiĉan mi gajni ne aspiras;
se iam konsoleron hazarde mi sukcesas,
estas ĉar amoparton la amo ekpermesas,
ke mi ĝin lasu tute, la amo ne deziras.
Tiam la amo restos finfine je mi sena,
neniam ajn serviston similan ĝi ektrafos.
El tiu mia penso konsolon mi elhavos:
ĝi daŭros obstineme, dum mi koleros ĝena.

La prezo de l' postulo ja estas suverena,
mi volas plenmerite ĝin havi: la animon
mi al vi oferdonas, ĝi rajtas Di-estimon
kaj sian korpon plue deziras loĝi ena.
Ke veras via amo, elmontron mi bezonas,
mi ĝojos plenkontente pri kio en vi sidas;
se ĝuste bonvolemo en vi kaŝe rezidas,
mi la malbonon, kiu ĝin kaŝas ja pardonas.

Mi estas tute certa, ke vi min bone konas,
pri miaj tri etapoj vi plenkonscie spertas,
verŝajne, al vi ankaŭ eĉ mia pens' apertas:
do, ne fieru vante, se vi min ne rekonas.
Mia bonvolo ama najbaras al senlimo,
pri l' via ĝi kontentos, ĉu granda aŭ malgranda.
Celante al mi, tial, ne estu dubeplanda,
ebenas la irejo, sen kruto, sen ravino.

Via valoro kostas al mi ĉiom, kulmino,
dolorabunda vivo al mi nursole restas.
Mi vidas, du kontrastoj en via volo nestas:
vi ŝatas ke mi vivu, sed fakte kun mortkrimo.

Ĉu noktas aŭ heltagas, mi blinde kvazaŭdormas,
kaj apud mi neniu la tempon primesaĝas,
mi ne kapablas scii, kiu sezon' pejzaĝas,
eĉ tiel mia penso sin spite ne transformas.

Lilio inter kardoj, mia interno fornas
kaj en ĝi bona pano sin bakas dolĉnektara,
sed poste ĉe la manĝo ĝi gustas tre amara:
tiele ĉiutage dek horojn mi enŝtormas.

39

Kiu ne estas trista miajn versojn neglektu
aŭ iam dum pasinto la triston ne spertinta,
kaj tiu turmentata de suferad' absinta
celante sin tristigi mallumojn ne elektu:
li nur eklegu miajn perturbomontrajn dirojn,
senartajn, eligitajn de homo ekstermensa.
Pri l' vera origino de ĉi dolor' potenca
konscias ja la amo: ĝi kaŭzas la delirojn.

Serĉanto scias trovi plezurajn ĝuakirojn
en menso de tristulo, etparte aŭ tre multe,
kaj eĉ se oni vidis, ke ploras mi singulte,
plezuro pleje granda kompanis miajn irojn.
Kiam la simpla amo interne de mi loĝas,
mia jubilo plenas, ĝis mi ne spertas barojn,
kaj kiam mi eksondas profunde ĝiajn farojn,
en la plezuro, mikse, doloro ekriproĉas.

Ke vivu mi ermite la temp' al mi horloĝas,
ĉar volas mi pli taŭge soleni la amfestojn,
pro ĉi decido stranga ne levu ve-protestojn

ĉar al sia kortego la amo min alkroĉas.
Mi per si mem ĝin amas kaj mi neniel fuĝas
de tiu granda tristo, kiun akiras oni
el ĝia favoreco: mi ŝatas min fordoni
al daŭre trista vivo kaj al ĝi min aljuĝas.

El mia rezonado mi nepre ne forpuŝas,
ke estas akiraĵo sendube ja prefera
ĝia profunda tristo ol ajna ĝu' cetera,
ĉar sole nur langvoro plezura en ĝi kuŝas.
Iomo de l' plezuro devenas kaj estiĝas
el mia propra plendo: se homo triste solas,
priplendi sin bedaŭre pli multe lin konsolas
ol se la tuta mondo lamenti sin dediĉas.

Kritiko plenriproĉa el multaj konjektiĝas,
ĉar miaj laŭdaj diroj pri l' tristo tiom ŝvelas,
sed mi, kiu ekvidis ĉi ties gloron, celas
ĝiajn malbonojn, ĉar ja plezur' en ili riĉas.
Krom el persona sperto, neniel eblas kono
pri tiu plezurego intime troviĝanta
nursole en la volo de la vere amanta,
kiu sin mem amadas ĉe sia oferdono.

Lilio inter kardoj, al vi venu ekkono,
kiel pro vi mi radas ekstreme sur destin':
per mia propra forto la am' renversis min,
ne bezoninte sian, potencan kun impono.

40

Se homo pri amiko naŭziĝas kaj plezuras
kaj firme li decidas, ke l' amikeco ĉesu,
pri la plezur' antaŭa li tute jam forgesu
eĉ se la malespero lian animon ŝnuras.
Unue li restadu en ŝirma malproksimo

kaj li ne rememoru pri la pasinta ĝu',
ĉar se li en ĉeesto revidas tiun plu,
dum lia resopiro, duoblos la estimo.

Entute pro tri kaŭzoj perdiĝas aminklino:
damaĝo, eknaŭzego kaj perfida malbono.
La homo tiel emas al sia propra bono,
ke li neniel volas bonŝancon por ruino.
Se grandas la eknaŭzo, la ampotenco vanas,
ke nia amo venku, se iu nin tedegas,
l' unua volinklino la bonvolemon segas,
sentaŭgas nia forto, eĉ se la streb' titanas.

Malico ajnan homon en malesperon banas,
li ekmalamas Dion, kontraŭ kreint' fieras:
similas saĝo, kiam la homo plenkoleras,
sin mem abomenante, kiun li prae amas.
Post si mem, ĉiu homo sian generon amas,
ĝis tiu grado, ke li nur nanon gigantigas,
sed se la saĝprudento sinamon jen malligas,
kontraŭ ni mem, senbremse, detrue ĝi ekflamas.

Samkiel fortikulo je la potenco samas
al sia malamiko venanta kontraŭ lin;
ĝis unu jam el ili triumfas je la fin'
jen ĉies opinio sen decidiĝo lamas,
tiel mi mem sukcese verdikti ne scipovis
inter la abomeno kaj am' kontraŭduelaj:
ambaŭ en mi tiome kolosas fortoŝvelaj,
ke nulan diferencon mia kompreno trovis.

La amo sur la kampo nelaste sin almovis,
sed baldaŭ abomeno eksturmis armkonvene
kaj ĝi renversis amon plej randen, surarene,
ĉi-lasta, mi rimarkis, ekstari vane provis.
Sed jen, neatendite, elsavon amo vidas,
ĉar mia volinklino freneza ĝin tuj helpis.
"Ho, kiom, ve, la saĝo malfruas jam - ekjelpis
la abomeno tiam - ĉar timo min insidas!"

Senkonscieco plena min trafu, mi avidas,
aŭ nur pasio saĝe racia min kirasu,
-ĝin Dio ekkonsentu- kaj tiel mi forlasu
la amon, ĉar je l' kredo ĝi trompe min perfidas.

41

Antaŭ jarcento, aŭ pli, mi preferintus vivi
pro tio, ke sendube la mondo pli malbonas,
nuntempe plej malalte ĝia valoro dronas,
konscie ĝi ne povus pli basen jam deklivi.
Jen estas unu kazo el saĝ' apartigita,
ke la malbona homo apud pendingo loĝas,
dum la justulo fuĝas, sin en kavernon kroĉas
pro malbonaĵo de li neniam eĉ pensita.

Frenezas tiu homo juĝanta sin profita
el la malbona scio, ke oni lin ne konos,
konjektu, ke riproĉo lin baldaŭ eladmonos,
ĉar lin la murmurado ne lasos kulpokvita.
Pri ĉiu malbonulo trumpeti oni devas,
ke li ne erarigu per vortoj ŝvelimponaj,
ekzistas troabundo da homoj kvazaŭbonaj,
sed per la disfamigo ilia pompo krevas.

La vojon interrompi la justa volo revas
de la mensoga volo, kun bono falskolora,
kaj la popolo tiam ekkredas korfavora,
se iu akuzanto fiagon prave levas.
La kompatemo certe tiun homon animas,
li gardas, ke bonulojn ne premu ies plando:
se oni ekpardonas al iu fiaganto,
senfinajn malbonaĵojn allase legitimas.

La homo virtas vere, se li la famon timas,
ĉi tio ne troveblas en iu ajn senhonta;
eldiro, do, pri l' misoj, ne estu sin kaŝonta,

ĉar virto plene montras la homon, kiu ŝlimas.
Ke trenas nin malvirto, ĉi fakto laŭnaturas
kaj timo al misfamo entute nin retiras.
Benatu, do, la homo, kiu la bonon diras
kaj, se li plene certas, malbonon distamburas.

Ja estas misa signo, se iu malplezuras
kaj morte furiozas, se malbonaĵo laŭtas,
ĉagrene li ĝeniĝas, kiam el ni li aŭdas
komplete pri misfaro, ĉar li pri si aŭguras.
Samkiel la vidanto, ke sur pendingo fatas
lia kompaniulo, ol li ne pli malbona,
prijuĝas ĉi-okaze - afer' eksterrezona,
ke li pro tiu faro al morto kondamnatas.

En mia estanteco, plezuro min ne flatas,
krom tiu en similo de l' tempo forpasinta;
ĉar mi ĝin daŭre serĉis, kaj ĝi sin kaŝas finta,
min mem kaj tutan mondon malame mi malŝatas.

42

Ho vi, kiu ja scias pri la turta kutimo!
Kaj se vi ne memoras, bonvolu aŭdi ĝin:
post morto de l' parulo, turtino tiras sin
de iu amplenumo kaj trinkas nur el ŝlimo,
neniam el rivero, sed kavojn ŝi ŝlimigas,
kaj ŝi ne plu ripozas en frondo de arbido.
Sed kontraŭ tio, ĝuste, estas via kvalito,
pro l' granda malĉastemo, kiu en vi radikas.

Ĉar certe ja, virino, pri bono ne indikas
ke post ol ĝi gustumis ĝentilan karnon ravan,
al kruda komercisto vi donis korpon favan,
kaj lia nom': Johano, neniel hermetikas.
Se volas vi sciigojn precize referencajn,
lia vizaĝo grandas, kun vidkapablo fuŝa,
lia fustparo estas el lokusto aŭ muŝa.

Li senmerite vendas teksaĵojn nur Florencajn!

Li, plene konsciante viajn misojn tendencajn,
deziris, per ekrajdo, en amo kavaliri,
sed, pri ĉi-speca amo, post konon plenakiri
pri vi, li devus trovi riproĉojn konsciencajn,
kaj klare ekkoninte pri via vivo ŝlima,
la pagojn de la peko alprenu li publike.
Ĉar via fia korpo je ŝtof' ŝanĝiĝas flike:
vi taŭgas nur, entute, por rol' mamnutristina.

Zorgadi vi ne devas pro la forest' filina,
ĉi tiun misnutrinte per via laktokremo,
ĉar via korpo ŝvele plenplenas de veneno,
kaj via harabundo ĝin montras klaresprima,
ĉar se post taŭga flego de via barboringo
vi tondos ĝin, kunplekte kun la brakharoj aĉaj
je eblos elfarado de lazoj avantaĝaj
por ĉasakir' de turto kaj de perdik' aŭ tringo.

Se aŭdos vi ĉi diron: "Parigistin' kun ŝminko!",
respondu senprokraste, ĉar celas vin ĉi voko
laŭ via propra nomo kaj certe sen mensogo,
do montru vin al ili atenta kun konvinko
per tiu ĉi demando: "Amikoj, kia volo?
En iu amafero, mi kion povas fari?
Ĉar tiajn interligojn ne lamas mi prepari,
mi pretos tuj vin helpi post via ekparolo."

Celantoj pri fisvato aŭ iu ama folo:
Na Montbohí sendube kapablos helpi vin.
Þi faros tute same, kiel ŝi traktis min:
ne eblas antaŭscii la iron de ĉi drolo.

43

Ho ve, mia kuraĝo, vi vigli tre malfruas,
sen ajna kompatemo al kiuj vin subtenas:

l' animo kaj la korpo al disdivido venas,
pro via kadukeco, la korpo vivenuas,
jen mia okulparo sen libervolo agas,
stagnadas mia paŝo, sin mia lango ŝnuras,
pro tio, jam la honto entute nur plezuras,
ĉar tiu ĉi malvirto hontinda sur mi plagas!

Mi sentas grandan timon. Abunde mi ekŝvitas.
La koro, elsaltante, la bruston preskaŭ fendas,
por ŝiri mian honton, fortiko ne defendas.
La timo, ĉiamvenke, mian esperon splitas.
La mens-arkanon montri senpove mi malfortas
kaj mi pri la respondo plu senkiale timas.
Pro mia dubo des pli la dubo min proksimas,
ĉar la virina gesto el mi aŭdacon tordas.

Laŭ ies diro, honto en koro ne ekzistas,
sed mi laŭ propra sperto pri ĝi atesti povas
(ne tiun ĉe la vido: diablo tian kovas):
sencparton kaj parolon muele ĝi dispistas.
Ĝi el si mem gravaĵojn kelkfoje travivigas,
pri tio, laŭ rakontoj, ni aŭdis multajn ĝestojn,
ĉi tiajn kredas homo ne solenanta l' festojn;
ĝi estras min: la amo min al ĝi firme ligas.

Se iel mi kapablus la devon malaŭskulti,
ĉar morte mia amo pro ĝia frapo kuŝas
(ja, sen manifestiĝo, alies amo fuĝas:
kiu diaĵo sanktan damniton trudas kulti?),
mi plenpotence fortus efektivigi tiel,
kion mi mem ne riskas: videble aperigi
la volon kun penado: la honto daŭras digi
terure, kaj aŭdaco ne venkas en mi iel.

Ĉe la amantoj, kiuj sen granda amo agas,
kontraŭ impona honto la sprito senfortemas.
Min mem kaj senviglulojn frakase ĝi subpremas
kaj niajn malamikojn la volo venĝe pagas.
La amo kaj deziro mian volon stimulas,

vi estas ties kaŭzo, ilia celrigardo,
kaj viaj propraj sentoj, mi kredas, jam sen tardo
malkovros la turmentojn, kiuj pro vi sin rulas.

Ho fola amo, kiam la homoj ĝeme kuras
post via vana celo, nur nulon ili celas,
sensencas la klopodo, ilia streb' Babelas:
tiel travivas, kiuj en viaj flamoj brulas.

## 44

Konscia kuracisto, se la malsano gravas,
pri la danĝero mute al malsanul' sekretas,
la korpo tiel perdas, sed la anim' kvietas,
okazoj apud morto vidigas, ke li pravas.
Ho vi, kiu ja konas mian estaĵon hele,
al mi plencerte diru, kien venonto paŝas,
deziras mi ekscii, kion la amo kaŝas,
pri l' bono aŭ malbono informu min rivele.

Per nura senscieco mi gajnus bonon ŝtele,
neniam ĝi rajtigis al iu por bonhavo,
pli frue aŭ malfrue finiĝos mia mavo,
kaj tiu mavo povas dumtempe kreski ŝvele.
Se iel al vi plaĉas, ke benu min la bono,
ne plue jam prokrastu sentigi ĝin al mi,
ĉar sperto malfruiĝas pri tiu sento ĉi,
mi nun deziras montri pri mia voldispono.

Pro tiu malfruiĝo ne svenos la amdono,
en mi neniaj tempoj la amon venke gajnos.
Ĉiuj miaj vivtagoj nura momento ŝajnos,
la suno daŭre kuras, ne haltas laŭ bezono.
Se pro la malespero, la amo dronos fande,
pri mi vi plendos kaj pri la tempoj forkonsumaj.

Do, vi kaj same amo memoru baldaŭ kunaj,
kion pri mi vi faros laŭplaĉe, intendante.

Lilio inter kardoj, al mav' aŭ bon' celante,
neniam pensu homo, ĉu sekvos malprofito,
ĉar tiam lia volo dividas sin en splito,
disduigita koro ne agas proviante.

45

Tiuj, kiuj pri amo kaj amverkoj ne konas,
kredante, ke amfaroj mensoge nur fabelis,
min forte riproĉadas, ĉar mi transaliiĝas
kaj mi ĉe la formeto de l' libervol' plezuras.
Iliavide, tio miraklo ega ŝajnas
kaj krome eĉ pli multe iuj pli gravaj dogmoj:
la fakto, ke la morto volonte elporteblas
kaj, ke en amdoloro sin la plezuro miksas.

Sekreta fajrobrulo, vejninterne nutrata,
kun granda fumodenso, laŭ kurba voj' kaj rekta,
kolero en trankvilo, turment' kiu ĝojigas
kaj plene hela lumo kun bel' tenebrobskura:
kontrastojn tiaspecajn amantoj fajnaj sentas,
unumomente amo en ilin enloĝigas;
pri tiuj skeptikuloj, kiuj ĉi faktojn dubas
eĉ ankaŭ la naturo pro ties nasko hontas.

Ĉar ĝi rimarkis tion, ke mia eco taŭgas,
ĉielo ekinfluis du povojn disigitajn,
kiuj en mian eston diversaspece venis,
kun ambaŭflanka preno de sia parto propra:
al la animo ili amadi ekordonis
nur sian similulon, plej simple, fivolmanke;
dum la alia parto libere ne senbridas,
en ĝia volinklino mia anim' dekretas.

Nur tiaspeca amo, kiu bonvol' sin nomas
kaj kiu ekskluzive honestan parton celas,
ja tiu ĉi konsentis estigi min amanto
per la peranta parto kaj kiu min similas.
L' alia amo, kiu en ĝuo sin titolas
kaj kontraŭ la honesto ribele malamikas,
plenarme per animo kaj korp' albatalatas
militon alportante kaj grandan pacon, kune.

Ĉi lastaspeca amo en nin tra l' sensoj venas,
kaj bildon al komuna prudento ĝi donacas
kaj al komprenkapablo ĝi poste ĝin transdonas,
la volo kreskas, kiom la hom' en ĝi plezuras.
Sed tial, ke amanto laŭgrade suprenvenu
ĝis la plezura domo, kie Venus' gastigas,
la virtoj kaj la saĝo de homo deziratas,
ke ĉiuj kunlabore la akton priservutu.

La homoj sur la mondo, kiuj brutbeste amas,
sen iel enakcepti la ĝuon de l' kompreno,
nursole al la karno sian deziron ligas,
krom brutplezuro, ili entute senplezuras.
Se amon iu homo sen la ĉesiĝo volas,
li ĝin ne strebu serĉi, kie la povo svenas,
en ĉiu ajn afero, kiu la kaŭzon perdis,
ankaŭ la kerna esto pereas kaj fornulas.

Esceptaj elektitoj, ja tre malmultenombraj,
kiuj nur per amado de la spirito amas,
per tia amo, kun la anĝeloj partoprenas,
ilia volinklino neniam ajn laciĝas.
Kaj kiuj korp-anime en kunfandiĝo amas,
amante per la korpo kaj plie per l' animo,
de homospeca amo la gradon elsukcesis:
jen ili sur du koloj la amojugon portas.

Ĉar korpo kaj animo la homon konsistigas,
komune ilin ambaŭ komplezi preskaŭ endas,

nur sian similulon la korpo ekamadu:
se ĝi senfinojn celi rezignas, ĝi senskoldas;
nia spirito serĉu avide similulon,
kaj ĉiujn laŭajn farojn, kiuj el ĝi devenas;
sed tiu ĉi kunmeto disfaskajn volojn naskas
kiuj pli vundoŝire ol simpla amo boras.

Nia surmonda vivo komplete jam senvirtas,
la korpo multbatale l' animon venkobatas,
se l' saĝo ne kapablas subdresi nur voletojn,
ĝi ne potencos dresi la volojn sovaĝfortajn.
La amo ĉi-konsista prudenton preteraŭdas,
tiome de la karno eltiras ĝi bonvolon:
kun senhezita koro la provon superlukti,
la fortajn diamantojn ĝi molamane knedas.

Kvankam la amo certe pasiojn antaŭpaŝas,
l' unua ekdeziro al ĝi liveras forton
kaj poste la plezuro ĝin tenas siaregne,
ĉe ĝia forestado la amo mem sensceptras.
Ĉi diroj ja ne temas pri l' malhonesta akto,
ĉar amo bele fajna pri am' alia ĝojas:
se tiun ne atingas, nur el esper' ĝi vivas,
kaj grandan terursenton ĝia kontraŭo spertas.

La homo ne lasanta, ke amo lin finvenku
ĝis el sia konsilo racion ne forigas,
la kronon de martiro plenrajte ne meritas
de la pasioplenaj, intencon ne havantaj
krom sole nur perei, se l' kaŭzo jam finiĝos,
kiu al ĉi ekzisto ekstrema ilin portas,
kun firma kredo, ke la mondaĵoj estas ombroj
de la helega suno la koron ardiganta.

Ho vi, la bona amo, vin morto ne triumfas,
laŭ vera historio de Danto prirakontas,
neniu senso penu fiere albatali
kontraŭ vi mem, je l' forto klopodi supervenki!
Kun nur unu animo, du korpojn vi regadas

pere de l' virto, kiun la amikeco naskas.
La homo supozanta atingi vian celon,
pri vi nenion konas, malkleron li disĉiplas.

Lilio inter kardoj, trioblas la landvojoj
sur kiuj la vereco neniam ajn surpaŝas:
kolero kaj amado kun si ĝin ne konsentas
malklero ĝenerala jen estas do la tria.

## TRIA PARTO. ELEKTITAJ POEMOJ

(ĉ. 1431-1435)

La ventoj kaj velaro plenumos miajn celojn,
irante dubajn ondojn, plugante vojojn mare;
sirok' kaj orienta kunblovos solidare
kun suddevena vento kaj greka sur la velojn.
Mistral' kaj okcidenta armiĝas kontraŭsturme:
fervore mi petegas al vento la transmonta,
ke ĝia blovo estu al ili kunhelponta
kaj jen kvinope ĉiuj venigu min returne.

La maro ŝaŭme bolos, kiel kaldrono forne,
kun ŝanĝo de l' koloro kaj de l' natura stato,
videble ĝi rigardos kun spito kaj malŝato,
se iu ajn afero surfacas malgraŭŝtorme.
Por ŝirmi sin, la etaj kaj grandaj fiŝoj kuros,
kaj ĉiuj haste serĉos sekretan kaŝiĝejon:
lasante maron fuĝe, vivnutran akuŝejon,
sur seka tero ili, verŝajne, pli sekuros.

La pilgrimuloj, ope, plej sanktajn votojn ĵuros,
kaj ĉiuj ekpromesos abundajn vaks-modlaĵojn,
pro la teruro ili laŭtigos sekretaĵojn,
kiaj en konfespreno neniam eĉ susuros.
Vi mem, dum la danĝero, ne falos el memoro,
sed ĵure mi promesos al nin liginta Dio,
ke mia firma volo ne malkreskos ĉe tio
kaj ĉiam vi prezencos interne de la koro.

Timigas min la morto pro mia dista foro,
ĉar fine jam la amo per morto neniiĝos,
sed mia bonvolemo neniel superiĝos,
mi kredas plenkonvinke, per ties ĉi rigoro.
Mi sentas ekĵaluzon pri via vol' avara:
ĉar ĝi post mia morto min eble tuj forgesos
-dum ni ĉi-tempe vivas, verŝajne ĝi ne ĉesos-,
mondĝuon jam forrabas ĉi tiu pens' amara:

post mia morto, eble, pri am' vi estos bara,
tuj abomenindaĵo mi iĝos por vi blinde.

Trudite ekster mondon, por mi ekestos pinte
mia plej granda miso - ne vidi vin najbara.
Kial, ho Dio, kial la am' neniam plenas,
ĉar apud la pleneco nur sole mi min trovus?
Kiome via volo min amas, mi scipovus,
ĉar mi je la venonto ekfidas kaj timtremas.

Mi estas la amanto, kiu pleje ekstremas,
post kiuj en la morto nun jam definitivas;
aflikton mia koro ne montras, ĉar mi vivas,
samkiom en la morto, kiu veegon ĝemas.
Mi pretas al ambono kaj miso tutsimile,
sed pro mia fatalo pludaŭras ŝancomanko;
en plena vekiteco, kun pordo sen ferstango,
ĝi trovos min tutpretan, kaj jesos mi humile.

Mi deziregas, kio dronigus min elspile,
kaj tiu ĉi espero el misoj min konsolas;
ke mia nuna vivo liberu mi ne volas,
el la plej kruda ŝanco, sed tuju ĝi azile.
Kaj tiam la popolo rimarkos, mi admonas,
kion la vera amo ekster mi mem plenumos,
ĝia potenco rekte kaj evidente lumos,
kaj miaj faroj pruvos la vortojn kiuj sonas.

Ho amo, amo, pri vi mi sentas pli ol konas,
el kio restos sole la plej malbona parto,
kaj vin ekkonas homo, se mankas via varto:
al la ĵetkuba ludo mi vin kompare zonas.

49

Sufero certe strangas, se strange hom' malsanas
kaj taŭga savrimedo kunstrangi devus jam;
se homo pro malvarmo mortfalas dum sinban',
trovarmos li, se akvo malvarma lin ekbanas,
kaj nur se la komenco postmezas, jam neeblas
ke la komencon sekvu la mezo aŭ la fin'.

Per tiaspecaj fortoj la amo venkas min,
ke glata pensesprimo neniel al mi eblas.

La amo min teruras kaj mi plenŝvite febras,
sed tamen ĝi agrablas kaj ĝi min kontentigas,
ĉar nun al mi, pro amo, plenbono sin alligas,
sed akra dolorŝiro min aliflanke vepras:
doloro tute nova ĝi estas subĉiele,
en mia cerbinterno ĝi faris novan agon,
la kompatinda penso kutimis sian plagon,
sed ĝi la penson ĵuse renversis disŝancele.

La amo en mi agas neniel mirfabele
per nura plenumado de leĝoj pasinttagaj,
sed jam de longa tempo kuŝadis ili svagaj:
la forto de la amo pro mi residas sele.
Simile kiel Dio miraklis -ĉar li povas-,
por ke la judoj firme ekkredu Lin, kaj digis
la plagon de la blindo kaj mutajn paroligis,
simile nun la amo mutigi min bontrovas.

Aŭdante, kelkaj homoj miraklo tion trovas,
sed se ni rememoras pri Arnaut Daniel'
kaj kiuj sub la grundo nun blindas en humŝel',
ni ekkonscios, kion la amo ja ĝispovas.
Þin, kiun mi pli multe ol mian vivon amas,
per la sinteno, tamen, mi ŝajne abomenas,
kiam mi ŝin proksimas, mi preskaŭ fale svenas
kaj mi kondutas kvazaŭ mi pleje ŝin malamas.

En mi senlima forto potencas kaj tiranas,
tiom, ke ĝi pli fortas ol mia amdeziro.
El amo certe fontas ilia pov-akiro,
sed inter ili ambaŭ la disdivid' malsamas.
Ĉar mia amdeziro ne metas murobstaklojn
al la teruro granda, kiu ĝin punas, ligas,
la amo al ĉi-lasta tiele nun amikas,
ke el ĝia potenco senigas ĝiajn brakojn.

Lilio inter kardoj, ne havas plu tentaklojn
la amo min reteni, se mi el tiuj fuĝus;
ĝi ungojn min ekkapti malhavas, kiuj buĉus,
sed mi en lula dormo kuŝadas ĝiajn brakojn.

51

Mi estas kiel homo pensanta, ke li mortos,
ĉar lia mortkondamno legiĝis al li plure,
sed nun jen aŭdienco konsentiĝas plezure:
li dubas kaj esperas, ĉu ĝi favoron portos:
pri l' miso kaj pri l' bono la povra dubas lime,
kaj li sen timopleno, sen esperfirmo iras.
Tiel mi mem, neniel sen timo vin deziras
nek povas malesperi jam tute, findeprime.

Laŭ mia kapableco pluvivos mi pilgrime,
ĉar de ĉiuj malbonoj la morto estas verto;
en ĝi konsolon trovi, ja mankas al mi certo:
doloron mi preferas, nur mort- kaj vivotime.
Eĉ se vi klare scias pri mia dolordrono,
vi al mi plu retenas rimedon kaj elsavon,
mia esper' senviglas, ĝi spertas daŭran mavon:
mortonte tuj, ĝi petas al vi pri la pardono.

Mi mortos ĉi-okaze sen via parolsono
kaj nur frenezas homo la morton allasanta,
ĉar estas ĝi turmento kaj fino dolorhanta:
ne justas laŭmerite ĉi via mortodono.
Ne mi meritu ŝaton, sed mia bonvolemo:
vundinte min ofende, vi vundus mian volon,
sincere vin amantan, murdantan mian koron.
Vi, sen konfesi tion, min lasas ĉe l' dilemo!

Kie Jazono restas kaj lia sendankemo?

Tezeo plenperfide forlasis Ariadnan.
Didono, iluzie, esperon gardis vanan:
Eneo ŝin perfidis je ŝia fidkredemo!
Okazoj forpasintaj konsole min balzamas;
kontraŭ gener' virina interne mi koleras.
La bele fajna amo en ĝi ja ne prosperas:
ĉar semas la bonulo, misul' rikoltas, panas.

La scioplenaj homoj neniel prihosanas
la amon de l' virinoj, entute korkruelan:
ĉar ili, ege ofte, favoras malfidelan,
kaj lasas, kiu mortas, se tiu bele amas.
Vi de Pau de Bellviure prijuĝu la motivon:
amante sian damon, li propran saĝon perdis,
survoje li subite kolrompon fine spertis.
Mi dubas, ĉu vi ridas mian samcelan drivon!

Plensaĝulino, al mi ne mallongigu l' vivon:
ĉar dum mi vivas, via laŭdado longe jaras,
kaj kiam mi vin laŭdas la buŝo ne amaras
nek pri vi mia mano prokrastas sian skribon.

52

"Kiu malbonon serĉas, ne plendu, se li trovas.
Do, vin, ho mia koro, ne aŭdu mi plu ĝemi:
viajn persistajn veojn ne povas mi elteni,
nun viaj pulsobatoj videble jam surŝtofas!
Kuraĝu, ĉar malbonas plej multe ja la morto.
Elportu pacience, ĉar Dio ĝin deziras:
Li tiun ĉi verdikton, destine, sur vi diras:
neniam ajn Li agas ekster la justa ordo.

De antaŭ mondokreo pramavis via sorto,
ĉar via destinŝanco prezencis jam en Dio
kaj Lia saĝprudento ne konsentas pri tio,
ke, plie aŭ malplie, ekŝanĝu ĝin perforto,
sed estu via kazo je Lia sci' laŭbilde.

Tutcerte, la prokrasto al vi nur malamikas.
Ĉu l' amatin', esploru, ĉu ŝi al vi amikas:
ŝi venas, mi rimarkas, kun lanco kaj senŝilde."

"Malbonos tiutage la ŝanco plej malmilde,
ĉar kiam mi pereos la tuta ĝuo mortos,
neniun ajn plezuron mia okul' alportos
kaj ĝi, en akompano, min ofte helpis gilde.
Do, kiel mi aŭdacos bonplenon porti plage
en tiun grandan riskon, ke ĝin mi povus perdi?
Mi en neniu penso bonŝancon trafas sperti
kaj mia vervostreĉo jen svenas ĉiutage.

Komence, kiam amo min vundis siasage,
tuj antaŭ la doloro, la ĵeton mi ne vidis;
sur ĝi tre granda dolĉo ŝmirite surtepidis:
substanco dolĉegusta la pafon tegis svage.
Krom min admoni vivi, silentu via admono,
mi ne ekkonu, kiam la fino al mi aspros
kaj kiam min tiela misŝanco tute mastros,
ke ĝia plorsingulto plitujos al ridsono."

"Vi sidas, ho amiko, sur lok' de preta drono,
tiel ke ĉiu homo rigardas vin tre kruda,
pro via opinio, ke ŝi ricevos luda,
ke vi kaptite kuŝas en nigra mortprizono.
La morto aŭ la vivo ĉe ŝi troveblas tute;
klopodu do ekscii, ĉu ŝi vin favorkoras.
Nur tion mi konsilas: eksciu, ĉu ŝi volas
bonon al vi, ĉar longe vi servis jam servute."

"Kvankam pro mia scio perei povas glute
la vivo kaj l' espero, kiuj nuntempe ŝancas,
kaj vidas mi, ke morto kaj viv' kontraŭbalancas,
ĉi tiun prikonsilon mi laŭdas sendiskute.
Neniu forteniĝu el sia ec' natura,
laŭ sia propra juro, deziras oni bonon,
sed iam klopodante ekscii la malbonon.
Pri tiaspeca kono prudentu mi mezura."

La amo la amantojn certigas veraŭgura,
ke ili en ĝi havos nenian sekurecon,
ilia volinklino ne gardos persistecon.
Ĉu estos inter ili, do, io ajn sekura?

54

Kiu, krom frenezulo, demandas ĉu mi mornas,
se kiu min vivigas, distance de mi restas?
Kaj eĉ se mi ne ploras, kiam mi ride festas,
malgraŭ ke la doloro ne ĉiam daŭre dornas?
Plezurojn je nur unu mi fandis sencetere:
ekplaĉas al la amo ĉi ŝanĝon en mi ĝui.
Espero je bonaĵo al si mem substitui
nenion ajn kapablas dumvive ja surtere.

Doloron ne spertante, mi vivas, ĝin espere,
pro tio, ke l' bonaĵo gajnebla bonas ĉiel;
se mi ĝin ne atingos, mi malbonstatos tiel,
ke sur ĉi tiu mondo mi brulos jam infere.
Unu el ambaŭ partoj min kontentigas plaĉe,
sed tamen mia vivo pro l' dua ŝtormas lime:
ĉi tiu sampesilas kun morto tre proksime,
dubante, ĉu l' espero turbulos timmiraĝe.

Sed nun mia espero min lasas forvojaĝe
kaj venkas min la timo al mia miso hanta.
Do, kiu homo estas plej malmulte amanta,
kiu al sekureco sin ligus senkuraĝe?
Min en alian homon transportas amoforto,
ĝis mi kun l' amatino enpense sampersonas:
neniu sur la mondo miregi do bezonas,

ke regas min teruro al la malbona sorto.

La vivon en plezuro kompanas tim' al morto,
ĉar tiun senrezerve ĝi malamikas ĉiam
kaj se entute amo plezuron donis iam,
mi estas tiu homo rajtanta pri l' raporto.
Ho morto, kiu estas je ĉiu bon' envia,
kaj en ĉi tiu volo sekvata de l' fortuno:
vin ambaŭ mi petegas pri fakta ekplenumo,
neniel vi similu al damnantino mia!

Videble mia vivo danĝeras agonia,
ĉar falis ĝi sub tiuj ĝismortaj malamikoj:
riĉul' kaj senhavulo pri ties aspraj pikoj
traspertas komunstile, kaj ĉiu spitdefia.
Postsekvu min la homoj amontaj, nur kompanoj,
ĉe mia rid' aŭ ploro klopodu min egali:
mi pretas per mielo aŭ galo min regali
por kiuj prenos bonojn aŭ misojn ĉe la amoj.

Lilio inter kardoj, la ampasiaj flamoj
teruron kaj esperon samdome kungastigas:
ilia kunestado bruegon elinstigas,
kaj ve al tiuj homoj inter iliaj manoj!

59

Samkiel malsanulo, al kiu kuracisto
certigas, ke lin baldaŭ la morto ĝisatingos,
se da kuracveneno pokalon li ne trinkos
kaj eĉ dangero poste persistas pro la risko,
mi mem simile spertas, kiu danĝeron celas
ekriski, kaj sen provo ne eblas vivelporto:
l' eksperimento same teruras kiel morto
kaj laŭ mi la prokrasto al morto nur ĝemelas.

Al kiu homo mia turmento klare helas

kaj la danĝero, kiun mia anim' renkontas,
vidante, ke la celon ĉi tiu nun perdontas,
por kiu ĝi unike kreiĝis kaj surteras?
Mi senelire dubas: la mano ne konsentas,
per trema hezitado, ke mi mortigu min,
sed aliflanke tujas al mi la mortofin'.
Mi malesperas pri nur l' espero, ĝeme plendas!

De mia kolo, lige, muela ŝtono pendas,
kaj oni min transŝutos, jen krutegaĵo faŭkas,
krom se favorkoreco ŝnuregon dise hakas,
sed ĝia akrigilo sur la tranĉil' silentas.
Pri via indulgemo mi petas hororplene,
sed ŝajne mia voĉo la galantatan negas:
ignore pretervidu, ke timo min traregas,
kaj malgraŭ mia gesto vi agu kompateme.

Ĉar certe vi kapablas percepti plej konvene
pri tiu amoparto de mi ne jam montrebla,
bonvolu ekrimarki pri mia vivo febla,
kiel ĉe ĝia fino ĝi pendas mincfadene.
Mi estas tiu homo, karcere elirinta,
kiu nun al la morto kruela ŝancelpaŝas,
jam ĉiu savrimedo, konsolo sin forkaŝas,
krom nur ĉe la favoro de l' juĝon eldirinta.

Neniu amokazo montriĝis tiel pinta,
kiel ĉe mi: forkuri el tiu ja ne eblas:
en mi pro unu kaŭzo la vivo morte febras
kaj dua min venene pacigas, soifintan.
Ho vi, la estiganto de la danĝer', verŝajne,
ja vin ĝis nun malmulte da kulpo vere ligas,
sed tamen kompatmanko de nune vin kulpigas,
se via senindulgo ekzilos min mortgajne!

Lilio inter kardoj, la hom' amanta fajne
danĝeron ĉiaspecan ignoras aŭ ne timas.
Ĉar al li ĉiu kazo malgravas eĉ se limas:
la plej kolosa turo aspektas miligrajne.

64

Tielas nun la tempo, ke bestoj senraciaj
ekpledas pri la amo kaj la parulon trovas:
jen la sovaĝa cervo arbare muĝon blovas
kaj ĝiaj ronkaj blekoj impresas melodiaj;
la gruo kaj la korvo arias tiel bele,
ke la plezura ravo samulon enamigas.
La najtingalo trile plendadas, se timigas
ĝia belsona kanto l' amatinon forpele.

Nu, tial do, priplendas kaj veas mi malhele,
ĉar senkapablajn ami mi vidas nun amati,
krudulon por ĉi celo mi vidas taŭga ŝati:
la amo fundan konon pri ili kaŝas ŝtele.
Pro tia malkonveno mi veas piakore,
ĉar plena amomanko blindigas mian damon,
de sia servutulo ne konas ŝi la amon,
pri eco aŭ pri kvanto ne zorgas ŝi, ignore.

Ne same kiel homo por gajn' perdinta hore
sian posedon, ĉar li ekriskis pliakiron:
per via reciproko plenumi la deziron,
amante vin, la amon ne havis mi favore.
En drapmantelo kruda, jen mi tutnude placas:
la amo mian volon retenas plu lombarde,
kaj tial mia koro vojiras dolorarde,
ĉar blindas ĝi pri l' manko, kiu min plu minacas.

Lilio inter kardoj, mi cikonion ĉasas
per milvoj, kaj birdhunde leporon, la kurantan:
jen ili sur la mondo daŭrigas vivon frandan,
dum mia febla brusto surkalvarie lacas.

El sia propra eco neniu hom' potencas
alian homon ami entute kontraŭvole,
kaj iu ne kapablas malfari fortmuskole
la nodojn de la amo, eĉ se li ĝin intencas.
Do, kiu frenezulo min skoldos ĉar senama?
Kaj kiu frenezulo, ĉar amas mi, min skoldos?
Pasion tiaspecan neniu trudrikoltos,
do, mi pri reciproko ne plendas pro senflama.

Ho vera amo, al vi mi helpovokas klama:
ĉar vundis vi, bonvolu al mi favordonaci
ŝmiraĵon kun kapablo ammalsanajn kuraci;
liveru la rimedon de la ungvent' balzama.
Ne estu mi la sola ĉe via disfavoro:
pri via ekkompato postulas mi manplekte,
ne donu komplezaĵon, sed servpremion rekte:
mi amas ĝis plejstreĉo de ĉia amfervoro.

Ho vi, kulmino pinta de ĉiu ajn doloro,
okaze de kunfando de voloj malegalaj:
al mi pli multe dolĉus la mortamaroj galaj
prefere ol la sperto de via vunda boro.
Vidigu al mi lumon de la espero vera,
ne kiel nun, mensoga, miraĝa, kiu vanas,
sed nur de la espero, kiun raci' kompanas,
ne celu min plu trompi per garanti' ¶imera.

Samkiel malsanulo, je l' resaniĝ' espera
pro certa missignaro al li familiara,
se trafas lin hazarde alia morb' erara,
imagas sin, plentime, proksime mortdanĝera,
mi mem simile spertas, kutimiĝinte pri
la plago de la amo, senzorge ĝin vivante;

pro nova ammalbono mi vojas mortorande,
ne tute sama, ĉar ĝi potencas multe pli.

Ho amo, vi, pro kiu deziris tiel Di',
ke eĉ la maljunulo kondutu laŭ infano,
kaj scioplena homo ne vantu je profano,
ĉar li jam ne sukcesis defendi sin el vi,
vi estas nur haladzo aera plej malpura,
kiu per mortopesto la tutan mondon vindas:
tre taŭgas al la homo, se antaŭ frap' li blindas,
sed kiam vi lin vundis, kuracas morto nura.

Ho amo, amo, ĝuste en tiu tag' purpura,
kiam por ĉies bono la Senkulpul' kruchoris,
vi vundis min, ĉar fuŝe, senzorge mi deĵoris,
pensante, ke la tago defendos min sekura.

68

Ne spertas mi simile, kiel paĝia knabo,
kiu serĉadas mastron ŝirmontan lin kun flego,
sciontan lin protekti en varmo dum frostego
kaj dum somero friske, ekstere de sunfrapo.
Li ne kapablis juĝi de l' mastro la valoron,
ties agmaniero al li neniel plaĉis,
sed nun li ekrimarkas, ke li ne avantaĝis
per sia decidiĝo altigi la laboron.

Do, kiel li sukcesos ne sperti plu doloron,
se lia pleja beno perdiĝis for por ĉiam?
Se li ne frenezulas, konscias ke neniam
dum vivo li atingos pli altan sortfavoron.
Do, kion li nun faros, se restas nur ĉi gesto,
krom plori la bonaĵon de l' tempo forperdita?
Li de si mem vidiĝas entute perfidita,
ne estos plu trovebla simile flega estro.

Jen mi la homo, kiu dum krudo de tempesto,
dum la plimultaj homoj plezuras fajrapude
kaj povus mem kun ili sidadi gaje, lude,
migradas sur la neĝo, senŝue, sen kapvesto,
servante mondsinjoron, kiu ja ne servilas,
neniam li ekpensis al iu ajn omaĝi
kaj kontraŭ fiaj agoj li sciis korsovaĝi:
ke taŭga rekompenco ne manku, mi aspiras.

Plensaĝulin', fivolojn mi de mi mem elŝiras,
neniu misa herbo ĉe mia bordo kreskas.
Komprenu senerare, ĉi mia vort' atestas,
ke mia pens' en koro neniel infreniras.

79

Ho ĉiuj vi, mizeraj, sepulte sub la ter'
pro vundo de la amo sangakorpe kuŝantaj,
kiuj dumvive amis kun koroj tre ardantaj,
bonvolu rememori, ĉar amis vi en ver'!
Elvenu plorĝemante, kun distaŭzitaj haroj,
apertigita brusto por montri sur la koro
la vundon de la amo: ĝin plagis sag' el oro,
kiun ĝi arke pafas por l' enamiĝaj galoj.

La amovundoj estas laŭ tri fortvirtualoj,
kaj tio ĉi dependas de l' sago kiu vundas,
ĉar la dolor' sentata tiome ĝisprofundas,
rilate al la speco de l' vundaj sagmetaloj.
El oro kaj el plumbo la amosagoj estas
kaj ankaŭ el metalo nomata jen: arĝento,
kaj ĉiuj tri efikas kun difinita sento,
en laŭgradeco, kiun la sperto manifestas.

En la antikva tempo, kiu jam fore restas,
la sagojn ormetalajn la amo ĉiom arkis,

escepte de nur unu, kiun ĝi ne rimarkis,
per kiu min ĝi vundis kaj nune pertempestas.
De tiaj ĉi jam mortis en pasinteco multaj,
tiel, ke ĝi ne havas armilojn morte frapi.
Per la arĝentmetalaj ĝi povas sole skrapi,
la vundoj ne estiĝas entute mortrezultaj.

Hodiaŭ ĝi pafadas, sin distre, nur per plumbaj
kaj ties ĉi potenco sangigi ne atingas.
Tial, la amo rompis la arkon, sin estingas:
mi tra la mondo tion raportas al aŭskultaj.
La pacon ĝi diskrias al homoj plej sincere,
do ĉiuj, senvestiĝe, kirason eldeponu,
por fuĝe ĝin eviti, kastelojn ne masonu:
ĝia potenco kuŝas pli sube ol subtere.

Sed tamen mi ĉe l' morto sursojlas, kredu vere,
ĉar ĝia paco - nura milit' por mi senpaŭzas,
se en milit' ŝi estus, kies beleco kaŭzas,
ke vundis ĝi, mi pacus, venkite kaj karcere.
La mondo pacon havas, dum vivas mi detruon,
mi sola nur, ĉar amo militi ne ĝissangas,
Mi estas plagvundita kaj kuracilo mankas,
ĉar l' amatino plendas nenian am-influon.

Ho fola amo, kiu serĉadas vian ĝuon,
sur trompe falsa loko sian kontenton havas,
ĉar li en sia menso sen ripozeblo sklavas,
krom se li mense fleksas al vero la genuon.



Ĉiu plugisto sian salajron perlaboras,
eĉ ankaŭ advokato perdinta gajnan pledon.

Sed mi, servante amon, seniĝis je posedoj,
ĝin servi, do, entute al mi plu ne valoras.
Ke ĝi la saĝon mastru, la volon mi malbremsas,
ĉar mia saĝo mise servadis al la amo:
mi faris ĝin rabisto, sen dia akompano,
kaj jam de dek ses jaroj ĝi min ne rekompencas.

Ho amo, amo, certe amigi ne potencas,
samkiom mem mi amas, alian homon do vi.
Ekiru, ek, volonte viajn armilojn provi
kontraŭ la homo, kiu al vi nur ne intencas!

81

Simile al la homo strebanta kontraŭ morto,
en maro pereiga dum ŝtorma fivetero,
kiu ekvidas lokon savontan el danĝero
sed li ĝin ne atingas pro sia misa sorto,
mi mem simile spertas, vivante amsuferon,
kaj vidas vin, kapablan la mavojn forkonsumi:
kun malespero mian deziron ĝisplenumi,
tra l' mondo mi heroldos ĉi vian korfieron.

82

Kiam ke ŝipo dronu, decide volas Dio,
en ŝirmo de haveno Li ankron, kablojn rompas;
pro nura malsaneto videble multaj tombas,
neniu plene certas, kiel finiĝos io.
La homo sciohava stultulon avantaĝas
nur ĉar pli da okazoj hezite li konjektas.
Mi vidas, ke la sperto, prijuĝoj miselektas:
fortuno kaj hazardo ilian uzon laĉas.

83

Samkiel malsanulo, kuŝinta longe lite,
stariĝi per klopodo jen unu tagon provas
kaj lia fortikeco tre helpi lin ne povas
sed, tuj post la ekstaro, fleksfalas li subite,
mi mem simile spertas, kontraŭ amon luktema,
volante mian saĝon persiste nur obei:
senpovas mi, ĉar mian fortikon disperei
la amo okazigas per malbonaĵ' ekstrema.

## KVARA PARTO. SPIRITA KANTO

(ĉ. 1446)

105

Ĉar ja sen Via helpo neniu Vin atingas,
min kaptu je la mano aŭ je la haroj levu;
se mia man' al Via etende sin ne ŝovas,
Vi preskaŭ kun perforto min al Vi mem altiru!
Mi volas al Vi voji, alpaŝi Vin renkonte:
do, kial mian volon mi fakte ne plenumas.
Se mia decidiĝo konscias plenlibera,
kies malhelpo al mi l' ekiron nun obstaklas?

Mi volas min eklevi, sed nesufiĉe strebas:
ĉar pezas tiom multe miaj teruraj kulpoj.
Antaŭe ol la morto mian proceson ŝlosos,
bonvolu Vi, ho Dio, ke mi al Vi propraĵu.
Mia ŝtondura koro per Via sango molu,
el tiu ĉi malsano ĝi resanigis multajn.
Tamen Via prokrasto pri la koler' aŭguras:
Via indulga volo ne povas en mi agi.

Ja mia intelekto ne tiom klare pekas,
samkiom mian volon per kulpoj mi jam ŝarĝis.
Ho Dio, min ekhelpu! Sed petas mi freneze,
ĉar helpas Vi nur tiun, kiu sin mem ekhelpas
kaj ĉiu ajn homido al Vi venanta trovas
akcepton plej afablan, ĝin Viaj brakoj montras.
Sed kien mi turniĝu, se helpon ne meritas,
ĉar laŭ mia kapablo mi ĉiel ne klopodas?

Bonvolu min pardoni, se mia lang' deliras,
el troa pasiiĝo devenas miaj vortoj.
Teruras min infero, kien mi rekte vadas,
mi volas ĝin eviti, sed paŝojn mi ne turnas.
Mi, tamen, rememoras, ke savis Vi ŝteliston:
laŭ homa prijuĝado ne helpis liaj faroj.
Via spirito ie laŭ sia plaĉo blovas:
la kaŭzon aŭ rimedon karnulo ne komprenas.

Kvankam laŭ miaj faroj mi certe miskristanas,
mi Vin ja ne malamas kaj ial ne akuzas.
Mi certas, ke Vi ĉiam kondutas tute prave,

per vivo aŭ per morto Vi homojn ĉiel benas.
Egalvaloras ĉio, ĉar Via povo faris,
frenezas, do, la homo, kiu al Vi koleras.
La amo al malbono kaj spita bon-ignoro,
jen estas la kialo, ke homoj Vin malkonas.

Mi nun al Vi petegas, fortigu mian koron,
ke mia volinklino al Via sin algluu,
kaj ĉar la mondo portas nenian vivprofiton,
igu ke mi ĝin tute kaj senrezerve lasu.
Kaj el tiu plezuro, kiun bonul' gustumas
spertigu al mi iom, eĉ se nur fajrereton,
por tio ke la karno en mi plej ribelema,
ĉi flaton ekhavinte, ne tute kontraŭstaru.

Ho Dio, min tuj helpu!, ĉar mi sen Vi inertas,
ĉar mia febla korpo paralizege stagnas!
Tiom en mi, delonge, la misinklinoj oldas,
ke jam al mi la virto nur plej amare gustas.
Ho Dio, ekkompatu! Mian naturon turnu,
renversu ĝin: ĝi fias pro mia granda kulpo,
kaj se elaĉeteblas per morto mia manko,
ĉi tiu pentofaro al mi bongustos dolĉa.

Mi timas Vin pli multe ol mi Vin vere amas
kaj antaŭ Vi ĉi kulpon sincere mi konfesas,
mia espero tremas, turbulas plenŝancele,
kaj terurega lukto en mia menso ŝtormas.
Mi vidas Vin justama kaj ankaŭ plenindulga,
ke ekster la meritoj bontrove Vi favoras,
sen iu rajtigilo Vi donas kaj forrabas.
Do, kiu justa homo, des plie mi, ne timos?

Se Jobon, la justulon, premadis Diteruro,
ĉu iel mi kvietos, en kulpoj mem dronanta?
Se mi la pretertempan inferon primeditas,
montriĝas tiuloke la hantoj de la sentoj.
Ĉar tie la animo, kreita Dion kulti,
nur kontraŭ Lin ribelas fivorte kaj blasfeme:

ne eblas ĝusta takso de tiel ega miso.
Do, kiel la iranto al tia ejo fartos?

Bonvolu Vi, Sinjoro, kurtigi mian vivon,
antaŭ ol pli malbonaj okazoj fakte ŝancu.
Doloras mia vivo, ĉar vivas mi perverse
kaj morto ĉiamlonga transvive min teruras.
Malbono cis, kaj transe malbono nur sen ĉeso!
Min prenu do ĉe mia okazo pleje bona.
La tempa prokrastiĝo neniom al mi taŭgas:
baldaŭa vojaĝonto ne povas plu trankvili.

Mi plendas, ĉar laŭvole mi ne sukcesas plendi
pri la senfina damno, timenda, min minaca.
Ĉi tiu dolorego ne kuŝas en naturo
nek ĝin la komprenado aŭ homa sent' atingas.
Nu, ĉion ĉi mi trovas malforta senkulpigo,
ĉar mi pri la damaĝo, laŭ eco, ne hororas,
se mi, antaŭ ĉielo, ne amas ĝin sufiĉe.
Teruron kaj esperon entute mi malhavas!

Kvankam, laŭ nia ŝajno, montriĝas Vi kolera,
ĝi estas sole manko de la nescio nia
ĉar ĉiam Vi intencas kompati plenindulge,
la ŝajna malbonaĵo neestimeble bonas.
Pardonu min, mi petas, se miaj diroj kulpis,
pri tiu ĉi misfaro kulpuli mi konfesas:
per la okulo karna pri Vi mi faris juĝojn.
Bonvolu malblindigi la vidon de l' animo!

Al Via propra volo la mia tre kontraŭas;
kredante min amiko, mi al mi malamikas.
Ho Dio, min jam helpu!, ĉar dronas mi videble,
kaj malespero plenas, se laŭ merit' Vi juĝas.
Ĉagrenas min tre multe, ke mia vivo daŭras
kaj mi treege timas, ke iam ĝi ne pluu.
Doloras mia vivo, ĉar mia vol' ne firmas
kaj en mi ŝanceliĝe turbulas intelekto.

Vi estas ja la celo al kiu ĉio celas,
neniu celo veras, se ĝi ne celas al Vi.
Vi estas ja la bono, mezur' de ĉiaj bonoj,
neniu bono veras, se Vin ĝi ne similas.
La homon Vin komplezan Vi fakte - dio nomas,
ke li similu al Vi, Vi lin pli-ol-homigas.
Do, konsekvence, homo al la diablo plaĉa,
plenrajte prenu nomon, de kiu lin laŭmuldas!

Se iu ajna celo troveblas en la mondo,
ne estas vera celo, ĉar ĝi ne feliĉigas;
ĝi estas nur komenco de l' celo en la fino,
laŭ homa komprenado atingi ĝiskapablas.
La filozofoj, kiuj ĉi tiun rezidigis
nur en si mem, interne, videble malkonkordis;
jen klara signo, ke sur la vero ĝi ne kuŝis.
Pri tia celo, sekve, la homo ne kontentas.

La juda praleĝaro nur per si mem ne bonis
(per ĝi en paradizon ne eblis jam enveni),
sed nur per la komenco de tiu leĝo nia.
Nu, ili ambaŭ, kune, verdire ununuras.
Tiele, do, la celo, kiu komplete homas,
al nia volinklino kvieton ne donacas,
tamen, sen ĝi l' alia entute ne haveblas:
sankta Johano estis signanto de l' Mesio.

Ne havas pacon, kiu alian celon strebas
ĉar, krom en ĝi, nenie la volo ekripozas:
ja pruvas ĉies sento, subtili ne necesas,
ke krom en Vi la volo ne povas iam halti.
Samkiel en la maron riveroj ĉiuj kuras,
tiel en Vin la celoj ĉiome fine venas.
Ĉar mi Vin plene konas, ke Vin mi amu igu:
jam venku mia amo mian teruron al Vi.

Se mia amo, kiom mi volas, ne abundas
kreskigu mian timon, ke tiel mi ne peku,
ĉar, se mi ne plu pekos, mi perdos la inklinojn

kiuj responsis plene, ke mi Vin nun ne amas.
Pereu kaj nuliĝu, kiuj el Vi min trenis,
ĉar ili min mortvundis kaj vivi al mi baras.
Ho Dio, Vi, sinjoro, longigu mian vivon,
ĉar nune al mi ŝajnas, ke mi Vin ekproksimas!

Kiu instruos antaŭ Vi mem min senkulpigi
je l' fina liverado de mia misa konto?
Ricevis mia koro dispozicion rektan
sed mi el la rektilo falĉilon elkurbigis.
Rektigi ĝin mi volas, sed nepras Via helpo.
Vi helpu min, sen manko, ĉar mia forto magras!
Mi volas scii, kion pri mi Vi antaŭfiksis:
venonto en Vi nunas kaj ĝi en mi fareblas.

Ja ne pri la bonfarto de l' korpo mi petegas,
nek iun ajn bonaĵon de l' sorto aŭ naturo,
sed sole tion, ke mi nur Vin, ho Dio, amu,
ĉar plejsupera bono el tio ĉi kaŭziĝas.
Mi mem, en efektivo, plezuron altan frande
ne sentas, ĉar ĉi tiun ne pretas mi eksenti,
sed per simila scio ekkonas eĉ stultulo,
ke plejsupera bono trans ĉiuj plezurigas.

Je kiu tago, fine, la morton mi ne timos?
Nur kiam mi ekflame per Via amo brulos.
Sen abomen' al vivo ĉi tio ja ne eblas
kaj sen ke mia volo pro Vi ĝin forrezignu.
Sub mia plando, tiam, ĉiuj aferoj gipsos,
kiuj sur miaj ŝultroj nuntempe peze ŝtonas:
kiu neniel timas la fortajn leonungojn,
des malpli teruriĝos pro la pikil' de l' vespo.

Bonvolu do, Sinjoro, min fari nesentiva,
ke iaspecajn ĝuojn neniam plu mi spertu,
ne sole nur la fiajn, kiuj Vin kontraŭstaras,
sed ankaŭ la plezurojn, kiuj indiferentas.
Ĉi tion mi deziras, ke nur pri Vi mi pensu
kaj mia paŝo trovu la vojon Vin celantan.

Plenumu ĝin, Sinjoro, kaj se la vol' turniĝos,
via orelo tiam al mi ignore surdu!

Forprenu mian veon, ke mi la mondon perdas,
ĉar mi dum la plendado laŭvole Vin ne amas.
Mi celas tion fari, sed misinklin' oponas:
dum la pasinta tempo ŝarĝiĝis mi per kulpoj.
Mi al Vi same kostas ol multaj ne servintaj,
ne plie ol Vi faris ĉe ili, mi petegas:
en mia propra koro bonvolu Vi ekloĝi,
ĉar pli abomenindan antaŭe Vi enpaŝis.

Mi estas katoliko, sed fid' en mi ne varmas,
ke mian lantan froston de l' sensoj ĝi estingus;
sed, kion alinklinas la senso, mi formetas,
pri l' paradiz' mi kredas kaj mi racie juĝas.
Ĉi tiu parto, certe, de la spirito promptas,
sed sole per trenado la sensojn mi venigas.
Tial, al fidofajro, Sinjoro, Vi min trenu,
tiome ke ekbrulu la parto glacifrosta.

Vi kreis min nur cele, ke savu mi l' animon,
kontraŭa okazaĵo, Vi scias, eblas fakte.
Se tiel do ĝi estas, pro kio Vi min kreis,
ĉar en Via saĝeco neerareblo kuŝis?
Mi petas Vin: nuligu returne mian eston,
ĝi bonos al mi pli ol ĉiama karcernokto!
Mi kredas Vin ĉe Via aserto pri Judaso,
ke al li preferindus, se iam li ne homus.

Ho kiel bone estus, se post ol mi baptiĝis
al nutristinaj brakoj min oni ne redonus,
sed al la morto tiam mi pagus mian ŝuldon:
preter la vivoduboj, nuntempe mi jam pacus!
Pli vee homoj ĝemas pri la inferdoloroj,
ol ili la plezurojn de l' paradizo ŝatas:
malbono travivata nur tiun ekzempligas
kaj ekster sentosperto ĉi lastan oni juĝas.

Instigu en mi forton, ke kontraŭ min mi venĝu,
ĉar mi, per granda kulpo al Vi, min mem ofendis.
kaj se mi ne sukcesos, Vi mian karnon draŝu,
nursole la spiriton, al Vi laŭan, ne tuŝu.
Precipe mia fido de nun ne ŝanceliĝu
kaj la espero plue en mia kor' ne tremu:
ne mankos karitato, se ambaŭ en mi firmos.
kaj min pri mia karno ne aŭdu, se mi petas.

Ho, kiam miajn vangojn finfine mi akvumos
per plora elverŝado de l' dolĉegustaj larmoj!
Ilia elfluejo el kontricio fontas:
jen la ŝlosilo, kiu malfermas ĉielpordon.
El atricia pento devenas la amaraj,
ĉar ili sur la timo pli ol sur amo kuŝas.
Min, tamen, per ĉi-specaj abunde superondu,
ĉar ili estas vojo portanta al l' aliaj!

Glosaro:

aperta: kun la senco en PIV: malfermita. Aperti: resti malfermita.
desaponti: senrevigi, seniluziigi (Vd. NG)
despero: malesper(eg)o (Vd. Neologisma glosaro)
disdegno: malŝato (Vd. NG)
klami: alvoki, kriegi (Vd. NG)